XVIIa jaro. No 249 (5) ⭑ Monata ⭑ Majo 1921

# ESPERANTO

. . Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE
*La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*

**TEKSTO.** — *Esperanto helplingvo de la Ruĝa-Kruco,* Edmond Privat. — *Xa Internacia Konferenco de la Ruĝa-Kruco.* — **Socia Vivo:** *Mortoj pro milito.* — **Literaturo:** *Mirindaj hometoj,* Lászlo Cholnoki. — *Heredo kaj Timiano,* Florian. — *Lingvaj Studoj.* — **Esperantismo:** *XIIIa Universala Kongreso de Esperanto — Okazontaj Kongresoj. — Kroniko. — Tra la gazetaro. — Esperantista Literatura Asocio. — Diversaĵoj. — Oficiala Informilo de UEA. — Esperantista Parolejo. — Tra la fakoj. — Esperantista Vivo. — Niaj Mortintoj. — Ŝako.*

## ESPERANTO HELPLINGVO DE LA RUĜA KRUCO

La Xa Internacia Konferenco de la Ruĝa-Kruco, t. e. ĝenerala kunsido de delegitoj el naciaj R. K. societoj kaj reprezentantoj de registaroj mem, decidis instigi la disvastigon de Esperanto kiel helplingvo de la Ruĝa-Kruco por faciligi la realigon de ĝia tuthomara idealo. Detalojn pri la teksto mem de la rezolucio kaj pri la koncerna diskuto ni presigas sur sekvantaj paĝoj.

Ĝojante pri tiu nova kuraĝigo ni volas revoki la memoron pri tiu admirinda samideano, kiu plej profunde plezuriĝus hodiaŭ pri tiu sukceso, se li estus ankoraŭ inter ni. Bedaŭrinde la kruela milito forprenis per morto kapitanon Bayol, kies nomo restos al ni ĉiuj tre kara pro lia senlaca laborado por Esperanto ĉe la Ruĝa-Kruco. Jam en 1906 li publikigis bonegan libron france „*Esperanto et Croix-Rouge*“ kaj poste gvidlibretojn en angla, germana, hispana, itala kaj rusa lingvoj por ebligi tujan interparolon inter vunditoj kaj flegistoj per Esperanto.

Dum niaj kongresoj li aranĝis praktikajn eksperimentojn kaj eĉ sukcesis, ke la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco sendu oficialan reprezentanton al nia Kvara en Dresdeno. Sub prezido de Generalo Priou, li fondis en 1910 societon „*Esperanto-Croix-Rouge*“, kiu eldonis kelkajn bultenojn. Dum la jusa mondmilito, en 1916, S-ro Justin Godard, estante vic-ministro pri milita sano klopodis por disvastigi la praktikan uzadon de l' gvidlibretoj Bayol.

(Eldono angla)
Weight 5 grammes 1/6 oz. Price: one penny
ESPERANTO GUIDE

TO  THE

RED CROSS

*Extract from « Esperanto and the Red Cross »*
By Lieutenant BAYOL
*Instructor at the Military College*
*Saint-Cyr (S.-et-O.) France*
Translated by Alfred Jno. Adams
*When on active service take with you*
an ESPERANTO KEY
and the ESPERANTO GUIDE

This booklet is intended *(a)* to establish communication between the various national societies and organisations for aiding sick and wounded soldiers in time of war (base and field hospitals, sanatoria, etc.);
*(b)* to facilitate mutual understanding, by means of Esperanto, (1) between patients and those who have care of them, and (2) among the latter themselves when of different nationality.

Bedaŭrinde la postan jaron nova franca registaro decidis ordoni al siaj reprezentantoj eksterlande kontraŭbatali la proponojn por oficialigo de Esperanto ĉe internaciaj konferencoj. Ni tutkore esperas, ke tiu tendenco baldaŭ foriĝos, ĉar ĝi tre malfaciligas la taskon de niaj francaj samideanoj. La jusan konferencon de la Ruĝa-Kruco nek franca, nek belga delegitaroj partoprenis pro politikaj motivoj. Ankaŭ ni esperas, ke baldaŭ la eŭropa situacio refariĝos tia, ke ĉiuj nacioj povu denove renkontiĝi kaj kunlabori por tuthomaraj celoj.

La decido de la Ruĝa-Kruco pri Esperanto povas esti tre grava, se ni scias ĝin utiligi. Se ne, ĝi restos „mortinta literaro“. Kiu do stariĝos inter ni por relevi la standardon tiel noble tenitan de leŭtenanto Bayol? Nia Majstro publike laŭdis lian laboron kaj trovis ĝin tre grava. En ĉiu lando, en ĉiu urbo, niaj grupoj devas tuj skribi al la Societo de la Ruĝa-Kruco, kaj proponi paroladon kaj kurson konigante la plenan tekston de la Ĝeneva decido.

*Edmond Privat.*

# Xa INTERNACIA KONFERENCO DE LA RUĜA-KRUCO

*(Ĝenevo, 30 marto—7 aprilo 1921)*

## Rezolucio pri Esperanto

Ni presigas ĉi-tie la oficialan stenografan protokolon de la kunsidoj, dum kiuj oni priparolis nian aferon: La ĉefa diskuto okazis ĉe la delegitara komisiono, kiu kunsidis ĉiumatene unu horon antaŭ la plena kunsido de la konferenco.

**Delegitara kunsido**

(ĵaŭdon 7 aprilo 1921, je 9 h. 10)

*S-ro Prezidanto (Gustave Ador):* Ni devas nun ekzameni proponon prezentitan de D-ro Wong je la nomo de la ĉina delegitaro. Ĝi estas subtenata de la Svisa, Serba, Germana, Arĝentina kaj Pola delegitaroj. Jen ĝia teksto: „Konstatinte la fakton, ke la lingva malfacilaĵo multmaniere malhelpas la realigon de l' internacia idealo de la Ruĝa-Kruco, ĉu por helplaboro sur batalkampoj, ĉu inter militkaptitoj aŭ eĉ en kongresoj de la Ruĝa-Kruco, la Deka Internacia Konferenco instigas ĉiujn Ruĝa-Krucajn organizaĵojn, ke ili disvastigu la lernadon de la helplingvo Esperanto inter siaj anoj kaj speciale ĉe junulaj sekcioj, kaj rekomendas al la Internacia Komitato kaj al naciaj societoj subteni la movadon por instruado de tiu mondlingvo en publikaj lernejoj, kiel unu el la plej potencaj rimedoj al internacia kompreniĝo kaj kunlaborado laŭ la celo de la Ruĝa-Kruco." Mi malfermas diskuton pri tiu propono.

*Senatano Ciraolo* (Italio): Mi petas resendi tiun proponon al venonta konferenco. Nia opinio ne povas jam esti preta pri tiu demando. Mi mem konfesas, ke mi ne sufiĉe konas la aferon kaj estus embarasata por decidi. Aliflanke oni povus eble pensi, ke tieĉi ne estas taŭga loko por fari tian proponon.

*S-ro Prezidanto:* Oni nur celas kuraĝigon al studado de helplingvo. Oni instigas la organizaĵojn de la Ruĝa-Kruco disvastigi tiun lernadon por realigi la internacian idealon de la Ruĝa-Kruco en helplaboroj kaj sur batalkampoj. Tiu problemo estis jam ofte diskutata, interalie ĉe la Ligo de Nacioj dum la lasta kunveno. Ĝi prezentiĝas al la societoj de la Ruĝa-Kruco, ĉar povus esti efektive tre utile, ke flegistoj kaj vunditoj havu la eblecon interkompreniĝi facile sur batalkampoj. Mi mem jam atingis aĝon, kiam oni ne plu lernas lingvojn. Tial mi rezignas ne lerni Esperanton, sed vi estas pli junaj, kaj vi havas antaŭ vi estonton, kiu ebligas vin entrepreni tiun lernon.

*S-ro Andreae* (Arĝentino): Mi subskribis la proponon, sed kun la ideo, ke oni ĝin rediskutu. Mi ne estis atentinta la plenan tekston, kaj mi ja favoras la unuan parton, kiu rilatas je Ruĝa-Kruco, sed mi ne rekomendas la duan, kiu aludas je publikaj lernejoj, ĉar mi opinias, ke tio ne koncernas nin. La unua parto estas efektive taŭga, ĉar povas esti utile, ke taĉmentoj de la Ruĝa-Kruco sur batalkampoj parolu ĉiuj la saman lingvon, sed la problemo pri lernejoj ne koncernas nin.

*S-ro Prezidanto:* Kiel S-ro Andreae mi miris pri la dua parto de tiu propono, kiu irus iom tro malproksime. Ni havas tie ĉi nian tre ŝatindan tradukanton D-ron Privat, kiu estas unu el la varmaj defendantoj de la esperantista lingvo. Volonte mi cedos al li la parolvicon se li bonvolas doni klarigojn.

*D-ro Privat:* Mi bedaŭras la foreston de D-ro Wong. Li ne estas ano de tiu ĉi komisiono, kaj li ne opiniis, ke li rajtas veni tien-ĉi. Ni memoru, ke, dum la milito, oni konstatis multajn ekzemplojn pri uzado de Esperanto, ĉu sur batalkampoj, ĉu en militkaptitejoj. Interalie en Siberio, Esperanto estis lernata de militkaptitoj sub la gardado de Japanaj armeoj. Kelkaj miloj tiel lernis la lingvon. Plie la Internacia Komitato de Kristanaj Unuiĝoj (Y. M. C. A.) disdonigis ankaŭ librojn en Esperanto. Fine, ĉe la centra oficejo de UEA en Ĝenevo, ni ricevis petojn por esperantaj libroj el preskaŭ ĉiuj militkaptitejoj en Eŭropo. Tio montras, ke Esperanto estas jam tre disvastigata.

Simila deziresprimo estis prezentita al la lasta konferenco en Washington, sed la milito forgesigis la aferon. Estus tre dezirinde, ke junulaj sekcioj de la Ruĝa-Kruco lernu Esperanton, kio multe faciligus la rektan interrilaton inter societoj de la Ruĝa-Kruco por helplaboroj en paca kaj ankaŭ en milita tempo. Specialaj lernolibroj de Esperanto por la Ruĝa-Kruco ekzistas en diversaj lingvoj.

*S-ro Prezidanto:* Ĉu la rezolucio de D-ro Wong ne povus halti post la vortoj *„junulaj sekcioj"? (Aprobo).* Tio estas la propono de S-ro Andreae.

*S-ro Huneus* (Ĉilio): Mi volonte subtenos la proponon en la formo montrita de S-ro Andreae, ĉu por utila sugesto, ĉu por io pli praktika. Ĉiuokaze en la nuna epoko ni ne devas malkuraĝigi tre simpatiajn homojn, kiuj celas nur principojn perfekte konkordajn kun la tendencoj kaj fundamento de la Ruĝa-Kruco.

*D-ro Privat:* Mi do proponus forigon de la paragrafo aludanta je lernejoj, sed mi petus reteni la frazon pri la idealo de la Ruĝa-Kruco: *„Kiel unu el la plej potencaj rimedoj al internacia kompreniĝo kaj kunlaborado laŭ la celo de l'Ruĝa-Kruco."*

*S-ro Prezidanto:* Ĉu vi aprobas la proponon sub tiu formo? *(La propono estas akceptita per voĉdono)* [1]

**Plena kunsido**

(ĵaŭdon 7 aprilo 1921 je 10 h.)

*S-ro Prezidanto (Gustave Ador):* Estimataj gesinjoroj, la delegitara komisiono ekzamenis hodiaŭ matene proponon de D-ro Wong, je nomo de la Ĉina delegitaro, pri la uzado de Esperanto. Post diskuto, la komisiono ĝin ŝanĝis iom. Jen la teksto, kiun ĝi submetas je via aprobo:

### Teksto de la rezolucio

*„Konstatinte la fakton, ke la lingva malfacilaĵo multmaniere malhelpas la realigon de l'internacia idealo de la Ruĝa-Kruco, ĉu por helplaboro sur batalkampoj, ĉu inter militkaptitoj aŭ eĉ en kongresoj de la Ruĝa-Kruco, la Xa Konferenco instigas ĉiujn Ruĝa-Krucajn organizaĵojn, ke ili disvastigu la lernadon de la helplingvo Esperanto inter siaj anoj, kaj speciale ĉe junulaj sekcioj, kiel unu el la plej potencaj rimedoj al internacia kompreniĝo kaj kunlaborado laŭ la celo de l' Ruĝa-Kruco."*

Ĉu iu petas parolon? Neniu. Mi voĉdonigas pri tiu propono. *(La rezolucio estas akceptita per voĉdono).*

## Graveco de la Konferenco

La Internaciaj Konferencoj de la Ruĝa-Kruco estas kunvokataj de la *Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco,* kiu sidas en Ĝenevo jam de 1863. La naŭa okazis en Washington en 1912 antaŭ la mondmilito. Impresita de la krueleco al vunditoj dum batalo en Solferino (1859), la ĝeneva kuracisto Henri Dunant, havis la ideon starigi ian leĝaron por ilin protekti. Lia samurbano Gustave Moynier fondis por tio *Internacian Komitaton,* kies rolo estas alte teni super ĉiuj cirkonstancoj la principon *„Inter arma caritas"* kaj servi kiel neŭtrala kaj senpartia ligilo inter la naciaj Societoj de la Ruĝa-Kruco.

La emblemo de la Ruĝa-Kruco (kaj Ruĝa kvaronluno por islamanoj) estis oficiale rekonita de la registaroj en 1863, kiam ili subskribis la *Ĝenevan Konvencion* pri vunditoj laŭ invito de la Svisa registaro sub instigo de Dunant kaj Moynier. Severe gardante tiun emblemon kontraŭ ĉiuj trouzoj, la *Internacia Komitato* akiris fortan moralan aŭtoritaton

[1] Senatano Ciraolo (Italio), post la klarigoj, ankaŭ voĉdonis favore.

kaj elstaras supernacie por protekti la vunditojn kaj memorigi la registarojn pri iliaj devoj kaj promesoj. Por certigi sian neŭtralecon, ĝi konsistas nur el ĝenevaj civitanoj (nune 16) kaj ricevas regulan konfirmon al sia tasko de la internaciaj konferencoj de la Ruĝa-Kruco. Finance, politike kaj ĉiel ĝi restas absolute sendependa de ĉiuj registaroj. Fakte ĝi estas tamen oficiale rekonata de ĉiuj.

Antaŭ du jaroj la societoj de la Ruĝa-Kruco el „Entente" landoj fondis specialan Ligon kun kelkaj neŭtralregnaj organizaĵoj por helpi higienan laboradon dum pactempo, sed la *Internacia Komitato* rifuzis oferi la principon de absoluta tutmondeco de la Ruĝa-Kruco kaj staris flanke.

Al la ĵusa konferenco, same kiel al ĉiuj antaŭaj, ĝi invitis ĉiujn landojn senescepte. Nur la Franca kaj Belga societoj ne ricevis permeson de siaj registaroj partopreni, pro ĉeesto de germana delegitaro, sed ili sciigis, ke ili restas fidele ligataj al la Ruĝa-Kruco kaj esperas, ke politikaj cirkonstancoj baldaŭ ebligos renkontiĝon. Cetere tiaj renkontiĝoj jam okazis dum la milito, kiam germanaj kun francaj, britaj kaj usonaj delegitoj diskutis kaj subskribis en Bern kontraktojn pri militkaptitoj.

Ĉiuj ceteraj landoj en la mondo estis reprezentataj en Ĝenevo ĉe la Xa konferenco. Unue la diversaj naciaj societoj raportis pri sia agado kaj dankis la Internacian Komitaton pro ĝia agado dum la milito. Ili gratulis ĝin, ke ĝi kuraĝis eĉ transpasi la limojn de sia ĝistiama kompetenteco kaj prenis sur sin la organizon de la vasta *Agentejo pri militkaptitoj,* kie laboris tri mil bonvolaj personoj en Ĝeneva Muzeo Rath por klasigi slipojn (entute 11 milionoj), serĉi nomojn, respondi leterojn, informi familiojn kaj transdoni sendaĵojn (17,881,011. 25 svisaj frankoj poŝtmandate).

La konferenco petis al svisa registaro, ke ĝi invitu novan konferencon de ĉiuj regnoj en Ĝenevo por subskribi konvencion pri militkaptitoj. Detala deziresprimo entenas la principojn, kiuj estu respektataj rilate al kaptitoj. La fundamentaj estas, ke nenia malhonoro estu ligata kun la kaptiteco, ke nenia kondamno okazu sen laŭleĝa juĝo, ke ĉiuj konservu sian rajton de civitaneco kaj vivu en decaj higienaj kaj nutraj kondiĉoj.

Plie la konferenco komisiis al la *Internacia Komitato* interveni ankaŭ en civilaj (enlandaj) militoj, kiel ekzemple revolucioj, por ke samaj leĝoj estu respektataj en tiuj okazoj. Ankaŭ oni decidis disvastigi ĝeneralan edukadon pri la idealo de la Ruĝa-Kruco inter la junularo. F-ino Alice Mazarykova, filino de l' ĉeko-slovaka regnestro, proponis, ke en ĉiuj landoj la gazetoj ĉesigu politikajn disputojn dum tri tagoj ĉiujare por tute sindoni al propagando por socia higieno kaj internacia helpemo. Senatano Ĉiraolo proponis internacian asekuron kontraŭ katastrofoj (tertremoj k. t. p.) por ke ĉiuj regnoj kune kreu solidaran helpkason en okazo de malfeliĉo.

Rimarkinda estas la tendenco, ke la Ruĝa-Kruco nun laboradu dum la paco por publika sanigado kaj higieno. Al la *Internacia Komitato* la konferenco ankaŭ komisiis publikigi solenan alvokon al ĉiuj popoloj por ĉesigi la danĝeran daŭrecon de la militspirito, kiu malpermesas rekomencon de normala tuthomara vivado.

Post la fermo de la konferenco, tuj okazis internacia kongreso de l' Unuiĝo por savi Infanojn. La ĉefa urĝaĵo estas nun helpi al malfeliĉuletoj de mizeraj urbegoj kiel ekzemple Vieno, kie malsato kaj malvarmo jam mortigis dekmilope senkulpajn viktimetojn. Ankaŭ sur tiu kampo la esperantistoj kunlaboradis.

Ni jam raportis pri la nobla gastigo en Danio kaj Hispanio. Instruistoj el suferantaj landoj sin turnas al ni, por ke oni ankoraŭ savu junajn vivojn tiun ĉi jaron.

## Ruĝa Kruco kaj Verda Stelo

Estas pli kaj pli videble, ke Ruĝa Kruco kaj Verda Stelo estas frataj emblemoj. Ili povas multe fari unu por la alia. En ĉiu urbo la Societo de la Ruĝa-Kruco kaj la Esperantista Grupo devus interŝanĝi paroladojn pri sia celo kaj komenci reciprokan helpadon laŭ la Ĝeneva decido.

Eraro de multaj samideanoj estas resti tro ekskluzive Esperantistoj. Vidu la laboron de Bayol, kiu estis samtempe agema Ruĝ-Krucano! Taŭgaj Esperantistoj devus aliĝi al tiaj similcelaj movadoj kaj enkonduki en ilin la uzadon de Esperanto. Por fariĝi realaĵo kaj vera sukceso, la Ĝeneva rezolucio bezonas la tujan agadon de energia Esperantisto en ĉiu urbo. Ni urĝe petas adresojn kaj informojn de ĉiuj samideanoj decidintaj komenci tiun laboron. Tiel ni povos helpi al ilia internacia grupiĝo kaj eventuala kunveno en Praha.

Estu certaj, ke la malamikoj de Esperanto jam skribis longajn leterojn al ĉiuj delegitoj, kiuj voĉdonis favore. Kial la Esperantistoj ne estas pli agemaj? Tie ĉi ni faras nian eblon kaj eĉ foje la neeblon por havigi al vi tutmondajn armilojn. Uzu do ilin, ĉiu en via loko! Nia batalo estas ja paca!

 SOCIA VIVO 

## Mortoj pro milito

Antaŭ kelka tempo raporto estis prezentita al la franca „Ĉambro de Deputitoj", enhavanta oficialan statistikon pri la homaj mortoj kaŭzitaj de la milito.

Jen la plej gravaj el tiuj elokventaj ciferoj: Francio mobilizis sume 8,410,000 virojn, el kiuj ne revenis 1,355,000. Oni estas certa pri la morto de 1,089,700; la aliaj estas konsiderataj kiel malaperintoj. Mortis do 16,2 % de la sumo de soldatoj mobilizitaj. Rilate al sia loĝantaro, Francio perdis *1 viron el 28 loĝantoj.*

Kiu estas la proporcio por la aliaj batalintoj? La Britaj Insuloj (kolonioj ne enkalkulataj) evaluas je 618,000 la sumon de mortintoj. Ilia loĝantaro en 1915 atingis proksimume 42 milionojn. Ili estus do perdintaj *1 viron el 66 loĝantoj.*

Italio en 1916 havis 37 milionojn da loĝantoj; tiel, bazante sur la cifero de 465,000 mortintoj, oni trovas, ke ĝi perdis *1 viron el 79 loĝantoj.*

Germanio, kies loĝantaro superpasis en 1914 la ciferon de 67 milionoj, kalkulas ĉirkaŭe 2 milionojn de mortintoj. Ĝi tiel perdis *1 viron el 35 loĝantoj.*

Aŭstrio-Hungario havis en 1911 preskaŭ 49 milionojn de loĝantoj. Se oni akceptas la tre proksimuman ciferon de 1 miliono de mortintoj, oni kalkulas, ke ili perdis *1 viron el 50 loĝantoj* ĉirkaŭe.

Rusio, kies loĝantaro estis evaluata en 1916 je pli ol 182 milionoj, perdis, tiom kiom oni povas bazi sur tre malcertaj konaĵoj, *1 viron el 107 loĝantoj.*

Pri Usono, kiu enhavas 110 milionojn de loĝantoj, kaj kiu kalkulas ĉirkaŭe 51,000 mortintojn, ĝi sekve perdis *1 viron el 2000 loĝantoj.* Trad.: *Richard Levin.*

## Al niaj kunlaborantoj!

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15 de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

 LITERATURO 

# Mirindaj hometoj

Novelo de **Lászlo Cholnoki**

La sulkvizaĝa, maljunega skulptisto Lindhorst, dormetante sidis sur la veturigista sidejo kaj revis pri la bona negoco. Ĉar la negoco estis bona, estis brila. Kiam li ekiris, lia ĉaro estis plena de ĉiuspecaj rigidaj figuroj, de talaraj sanktuloj, de paŝtistoj, sin sur bastonon apogantaj, kaj de aliaj skulptaĵoj. Kaj nun, kiam li sin direktas hejmen, apud la veturilbaro apenaŭ estadas unu aŭ du. La ceteraj ŝanĝiĝis je mono kaj enkasiĝis en la grandan ledo-monujon de Lindhorst.

Subite forte ekskuiĝis la ĉaro kaj la skulptisto ekrigardis. Malproksime, sur la sunluma vojo li rimarkis nigran punkton, stumbladante antaŭenirantan.

— Vidu, la lama Kalandrino! — li diris, kiam li ekkonis lin.

Li ekbatis sian ĉevalaĉon, ke li atingu la piediranton. Li estis scivola, kian negocon faris lia skulptistkamarado, la lama Kalandrino. Sed eĉ antaŭ ol atingi lin, li jam sciis ĉion, ĉar sur la dorso de Kalandrino same streĉiĝis la dorsosako plena je statuoj, kiel tiam, kiam li ekiris. Sed li tamen demandis lin.

— Nu, kia estis la negoco?

— Nenia! — respondis la alia malĝoje, gestante per la mano, dum li suprenrampis apud Lindhorst sur la veturilsidejon.

— Senpova homo estas vi! — komencis Lindhorst — kiam mi eniris, mia veturilo estis plena kaj rigardu: apenaŭ restis iom da ili. Kial skulptas vi tiajn mirindajn strangaĵojn? Kial vi penadas je unu-du el ili dum monatoj? Kial vi ne faras tiajn figurojn, kiajn mi skulptas? Rigardu: la miajn disprenas la urbanoj, la vilaĝanoj, viajn burleskajn larvojn eĉ la diablo ne bezonas. Sed mi parolas vane, ĉar vi estas senpova sentaŭgulo! Do vi eĉ ne unu vendis?

— Sed jes, ĝuste nur unu! Tiun, kiu figuras la meditantan Luciferon. La edzino de la piloto aĉetis ĝin. Ŝi diris: ŝia fileto havas kolikon, ŝi ektimigos lin per ĝi, de tio ĉesos lia malsano!

Lindhorst kaŝis malican rideton, sed li tamen diris kelkajn konsolvortojn. Sed en si mem li pensis ĉi tion: Tiel estas bone, eĉ tre bone estas tiel! Iom post iom moliĝos via korno, vi obstina frenezulo.

Ili silentis. Lindhorst komencis denove dormeti. Kalandrino rigardis supren sur la stelan ĉielon kaj pensis pri tio, se li foje povus alveni tiel alten, kiel bonkore li ridetus pri la rigidaj pupoj de Lindhorst!

La ĉaro foje tre skuiĝis, kaj Lindhorst ŝajnigis, kvazaŭ li estus nun vekiĝinta. Sed li ne dormis, li pripensadis. Li ekparolis:

— Malfermu vian sakon, Kalandrino! — li diris. — Montru al mi viajn statuojn, mi aĉetos ilin.

Kalandrino laŭvice elprenis siajn pupojn kaj donis ilin al la maljunega skulptisto.

Lindhorst rigardadis la strangajn malgrandajn figurojn, el kies malplenaj okuloj vivo radiis al li, kaj sur iliaj vizaĝoj brilis tio, kion Kalandrino spiris sur ilin. Kaj li forte ĉagreniĝis, ke li devis rimarki ĉion ĉi. Lian koron disŝiradis la envio, sed li kaŝis ĉi tion.

— Sensencaj frenezaĵoj! — li murmuris ĉagrene. — Sed mi tamen aĉetos ilin, alie vi malsatmortos.

Kalandrino ne respondis, li metis en la poŝon la kelkajn talerojn, kiujn li ricevis de Lindhorst, li deiris de la ĉaro kaj lamante ekiris al sia kabano.

Aŭtuniĝis, la senfoliaraj arboj etendis siajn ŝiritajn branĉojn en la plumbkoloran aeron. — Kalandrino ne iris ĉi tiun tagon en la urbon, kvankam estis granda foiro. Kial li ja estus irinta? Oni ja ne aĉetas de li, kaj li jam antaŭe timis je la mokado. Kaj eble se li eĉ estus volinta eniri, li ne povis, ĉar pro la malsato li jam apenaŭ povis stari. Vespere li iris apud la riveron, li enrigardegis en la senkvietajn, malvarmajn ondojn. Li fermis siajn okulojn kaj diradis mallaŭte:

— Miaj karaj statuetoj, adiaŭ!

Kaj dum li ĉi tion diris, lian koron ekregis varmeco, kiu venkis la malvarman aŭtunan aeron kaj mortigis la malsaton. Li tiel longe diradis, ĝis li forgesis ĉion kaj enfalis inter la malvarmajn, malsekajn herbojn. Kiam li rekonsciiĝis, li iris hejmen, ekbruligis sian sebkandelon kaj senmove rigardadis siajn statuetojn, kiuj ekstaze levis siajn malplenajn okulojn al la majstro pala.

* * *

Lindhorst denove kun plena monujo iris hejmen de la foiro. Li denove sidis sur sia kaduka, skuanta veturilo, sed li ne povis dormeti, ĉar malvarma pluvo pikadis lian vizaĝon, kaj ĉar ankaŭ tio ne lasis lin trankvila, kial ne estis la lama Kalandrino en la foiro? Kio povis okazi al li? Kiam li fine atingis la vojkurbiĝon, li ekvidis, ke la fenestro de la kabano de Kalandrino estas hela. Trudanta scivolo atakis lin, li saltis de la veturilo kaj ekiris al la kabano. Kiam li tien alvenis, li singarde enrigardis tra la ĉielarkkolora fenestro. Kaj li vidis tie Kalandrinon sur la tablo apogkuŝanta senmova. Antaŭ li staris la restaĵo de la sebkandelo lastfoje ekflamanta. Kaj la malgrandaj statuoj — ĉi tion li klare vidis ĉe la flagranta lumo — ekmovis siajn rigidajn kapetojn, balancis ilin kaj ridetis strange.

Lindhorst timis, tremadis. Sed tiam estingiĝis la kandelo kaj fariĝis fulgonigre malhela la ĉambro. La maljunega skulptisto nur staris, rigardis fikse ĝis denove fariĝis heleco interne, kvazaŭ stelpluvego estus falinta sur la kabanon. La statuetoj ekiris kaj rigide riverencis antaŭ Kalandrino, kiu per vitriĝintaj okuloj, kun palblanka vizaĝo rigardis sian ekvivintan popolon. Sed tiam la lumo estingiĝis, kaj malhelo kovris la ŝtelrigardantan Lindhorston. Li forgesis sian veturilon kaj kun rigidiĝantaj membroj ekiris al la hejmo.

La pluvo ĉesis, malvarma vento frapadis la nubojn, la luno ekaperis. Kaj ĉe ĝia lumo ekvidis la maljunega skulptisto, ke sur la kampvojo renkonte al li venas stranga, blanka grupo. Etaj malgrandaj blankaj figuroj moviĝis, ili ĉiam pli kaj pli proksimiĝis, ĝis majstro Lindhorst ekkonis la statuojn de Kalandrino, kiujn li post la lastjara foiro aĉetis de la lama artisto.

— Ili forkuris el miaj figuroj!... Eble ili eksciis, ke Kalandrino mortis! — pensis Lindhorst. Li foriris de la vojo kaj time rigardis, kiel preterpasas apud li la blanka grupo. Poste li komencis kuri hejmen, en lia brulanta, febra kapo kvazaŭ ardis tio, kion la ekviviĝantaj hometoj prisilentis.

— Jes li mortis, sed li reviviĝis! Jes: Kalandrino, la artisto reviviĝis!

Lindhorst atingis sian hejmon. Li ellumigis, sed li ne povis toleri la varmecon de sia malvasta ĉambro kaj malfermŝiris la fenestron, elkliniĝis en la malvarman venton por malvarmigi sian ardantan frunton. Poste li returniĝis, ekkaptis siajn senformajn figurojn kaj elĵetis ilin en la koton. Kiam ankaŭ la lasta tie kuŝis, sub la fenestro ekleviĝis la figuro kaduka de Kalandrino.

— Mi reportis vian monon, Lindhorst, kion vi donis por miaj statuoj, — li diris. — ĉar la statuoj revenis al siaj kamaradoj, ke ili kune trairu la mondon por diri, ke mi reviviĝis!

Tiam li suprenleviĝis al la steloj ardantaj en viollumo.

Kaj Lindhorst staris senmove ĉe la fenestro kaj elrigardis en la senfundan malhelon. Lian blankan hararon sovaĝe flagrigis la aŭtuna vento.

El la hungara lingvo trad.: *Vera Nurhom.*

---

☛ **Kiam vi skribas al UEA ne metu nomojn de privataj personoj!**

# Hedero kaj Timiano

Fablo de **Florian**

*„Mi plendas cin, ho planta nano!*
*Diradis la heder' al timiano:*
*Ĉiam rampadi estas cia sorto,*
*Kaj pene kreski en malforto;*
*Surtera estas ci, dum mi en mond' aera*
*Ligita estas kun la arbo Jupitera,*
*Fiera kverko, kiu marŝas alte*
*Kiel giganto, kiun sekvas mi senhalte.*
*— Ĝi estas vera, diris timiano,*
*Mirinde kreskas ci, kiel liano,*
*Altenportata per fiera kverko,*
*Plej bela, inter plantoj, dia verko.*
*Sed mi subtenas min per mia forto;*
*Dum cia vivo en komforto*
*Dependas de la grandegulo,*
*Sen kiu estus ci — rampulo!*
*Tradukistoj, la komentatoroj,*
*Filologoj kaj kritikaŭtoroj,*
*En via laborad' kapabla*
*Memoru pri la timiano fabla.*

El la franca tradukis: *Petro Stojan.*

# Lingvaj Studoj

de *P. Stojan*, L. K. (Serbio)

## Gazeto, ĵurnalo kaj revuo

En uzado de la tri vortoj, kiuj devas signifi tri specojn de perioda eldonaĵo, ni ne atingis bedaŭrinde unuecon. Plej malracie estas, kiam uzanto ne distingas inter ili, opiniante ilin sinonimoj, tiam la du el ili iĝas balasto, anstataŭ esprimi ideojn ne enhavatajn en unu el ili. Laŭ ilia signifo en ĉefaj kulturlingvoj, kaj laŭ Esperanta tradicio, mi antaŭvidas eblon atribui al ĉiu el la tri vortoj specialan signifon, kiu kontentigas samtempe praktikan bezonon (ekz. distingi inter ĉiutaga periodaĵo, kiel „Times", kaj la semajna aŭ monata, kiel „Punch") kaj teorian etimologion. — Gazeto, estas laŭ mi (mi nur parolas pri projektata signifaro), speciala periodaĵo — semajna, dusemajna aŭ monata — kiu tuŝas apartan fakon, kiun legas limita grupo de publiko, ekz. jurista, medicina, matematika, notaria, regiona, Esperanta, idista, cionista, k. t. p. — Revuo estas pli ĝenerala, sed ankoraŭ ne tutpopola, semajna, dusemajna, monata, trimonata periodaĵo, laŭ enhavo literatura, scienca, kiu prezentas sisteme kaj regule — retrospektajn resumojn, kritikon, bibliografion. — Ĵurnalo (de franca vorto *jour* = tago) estas ĉiutaga, aŭ plurfoja dum ĉiu tago, tute populara periodaĵo, ordinare grandformata kvar-, sespaĝa foliego, aŭ mezformata ok-, dekses- aŭ plipaĝa kajerego. Ĵurnalo estas presata sur papero de plej malkara prezo, ofte blugriza, kun multaj anoncoj, vendata po 10, 20 centimoj. Aliaj nomoj de periodaĵoj — organo, folio, monataĵo, bulteno — ne prezentas dubojn pri sia signifo. [1]

## Pri lingva kuraĝo

Restante tute sincere kaj severe sur bazo de la Fundamento, ni forgesas, ke ĝi tute ne malpermesas al ni esti kuraĝaj en la lingva uzado. Legu nur finon de § 42 de l' Ekzercaro, kaj vi sentos kiel arde deziris Zamenhof, ke ni estu kreemaj, liberaj en manipulado kun radikoj, kompreneble en limoj de reguleco kaj „bona senco". Tamen, dum ankoraŭ nia lingvo ne plene disvolviĝis, dum ĝi similas knabon, kiu ankoraŭ kreskas, kies membroj ankoraŭ plilongiĝas, kies kartilagoj ne ankoraŭ ostiĝis, estas severuloj, kiuj prezentas precize mezuritan kaj firme kudritan kostumon, kaj diras: jen estas definitiva vestaĵo deca por la junulo, kiun li portos dum sia vivo! Jes, la knabo surmetis la kostumon, sed post unu jaro li aspektas iom ridetiga kun siaj longaj brakoj elirintaj el tro mallongaj manikoj, kun siaj pantalonoj, kiuj vidigas ŝtrumpojn...

Oni uzas esprimon: gramatika *finiĝo*. Mi kuraĝas uzi: gramatika *finaĵo*. Anstataŭ: *meze de arbaro* mi kuraĝas skribi: mez' arbaro aŭ eĉ senapostrofe: *mez arbaro*, analogie je: en arbaro, super arbaro. Oni alkutimiĝis diri *bovoviro*, mi preferas *virbovo*. Ĉu tiaj vortoj, tiel nomitaj, kiel *jarcento, virgino, diema, domesta, diismo, belvidejo,* kaj miloj da aliaj, estas malpli taŭgaj ol: centjaro, virgulino, pia, malsovaĝa, teismo, belvedero?

## Interna lingva unueco

Post la milito ni ĉiuj kvazaŭ subite eksentis, ke sen solida unueco ni neniam atingos nian celon, t. e. alprenon de Esperanto en la tutmondo. Kvazaŭ longe fajretinta brulamaso, eliginta fumon, subite ekflamis. Tiu ŝanĝo en kolektiva animo de esperantistaro estis delonge preparita. Ankaŭ la milito per grandaj kaj elokventaj lecionoj montris, ke organizita malplimulto venkas neorganizitan plimulton, ke zorgeorganizita propagando vastigas eĉ malverajn ideojn, popularigas eĉ malindajn personojn.

Tute nature, kun silenta aprobo de ni ĉiuj, niaj ĉefoj en Parizo, Ĝenevo, Londono, kunsentis dum la intervidiĝoj, ke la ĝisnuna senorda agado estis malmulte fruktodona, ke ni malŝparis niajn fortojn sen palpebla rezultato, sen atendebla progreso. Ili do proponis sisteman fortoŝparon, plicentrigon de institucioj, malgrandigon de gazetoj plibonigotaj. Nun la afero pri tiu ekstera pliunuigo estas sur bonaj reloj kaj en fidindaj manoj.

Sed pri interna unueco de nia lingvo ni ankoraŭ nesufiĉe laboris, tro malmulte pensis kaj parolis. Per subaj linioj mi tre dezirus altiri bonvolan atenton de miaj lingvokomitataj kolegoj kaj de aliaj legantoj, kiuj profunde observas nian movadon, tiri ilian atenton al nova tasko, al morgaŭa problemo de interna lingva unueco. Temas pri esenca kapablo de ĉiu mondlingvo, ĝia ekzist-rezono, pri kapablo esti peranto inter diversnacianoj. Temas ĉi tie pri taŭgo de nia lingvo servi precize kaj praktike por internacia pensinterŝanĝo, parola aŭ skriba aŭ presa.

Nia lingvo bazas sur la Fundamento, kiu estas presita libreto kaj sur la verkaro de eminentaj esperantistoj. En tio kuŝas radikala diferenco inter Esperanto kaj ĉiu nacia lingvo, kiu bazas sur popola parola uzado en ĉiutaga vivo familia, metia, strata, lerneja kaj societa.

Vivorganoj por nia lingvo estas lerniloj, precipe estas vortaroj, kiuj havigas eblon kompreni kaj komprenigi ĉiuspecajn vortojn, terminojn, esprimojn. Se la lerniloj ne estas „akorditaj", se ili unu saman vorton komprenigas malsame por diversaj nacioj, tiam la lingvo ne kapablas servi por la interkompreniĝo. En Millidge'a vortaro mi vidas vorton *binoklo* tradukitan „opera-glass" t. e. duobla lorno, nomata france „jumelle", dum en ĉiu Esperanta-Rusa vortaro la sama vorto estas komprenita kiel nazumo, france „pince-nez". En bonega Esperanta-Kroata vortaro *kanabeno* estas klarigita latine „Cannabis sativa" t. e. botanika speco, dum aliaj vortaroj ĝin komprenigas kiel birdon.

Komparante vorto-je-vorto ĉefajn Esperanto-vortarojn presitajn en Francio, Anglio, Rusio k. a. en la 1908—1913 mi notis pli ol unu malakordiĝon; por ne timigi la amikojn de Esperanto mi ne precizigas la nombron. Ankaŭ mi atentigas, ke diversnaciaj lerniloj ne akordiĝas en tute elementaj punktoj, ekz. pri la artikolo, elparolo, verbo, vortoformado, sintakso. Antaŭ ol amasigi novajn radikojn en speco de: talismano, amazonino, sarkofago, antagonismo, numismatiko, indulgenco, radikoj nediskuteblaj, laboro tute estiminda sed ne urĝa, — ĉu ne estus pli prudente akordigi niajn naciajn lernilojn, kaj, antaŭ tio, akordigi nian komprenon de la Fundamento? Ambaŭ akordigoj estas necesaj por la interna unueco.

[1] Estus utile aldoni ke. laŭ ĝisnuna uzado, la vorto *gazetaro* (kaj sekve *gazeto*) entenas la tri sencojn kaj aludas iun ajn periodaĵon, ĉu revuon, ĵurnalon aŭ specialistan organon. — *(Red.)*







# XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

**31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921**

*Oka Komuniko*

**Komitato.** — Eksiĝis S-ro Bouška.

**Fakan kunvenon** por virinoj aranĝos F-ino instruistino Nesměráková, por ĉastemuloj S-ro Roskes el Hago.

**Kotizo.** — Vidu la VIIa komunikon! Aliĝu antaŭ 1 junio 1921 kaj pagu kotizon per siaj ŝtataj banknotoj, sendotaj en rekomendita letero al la ĝenerala sekretario! La aliĝintoj bonvolu baldaŭ sendi kotizaĵon!

Krom la jam menciitaj en la VIIa komuniko pagis la sekvantaj numeroj: 10, 12, 14—20, 40, 44, 54, 61, 65, 114, 126, 128, 131, 136, 137, 144, 146, 147, 152, 171, 172, 177, 180—183, 199, 200, 205, 213, 214—233, 235—254, 256, 261—263, 265—284, 287—291, 293—301, 303—309, 312—327, 333—336, 341, 344, 345, 347, 348, 364, 365, 381—390, 391—394, 395—405.

**Aliĝoj.** —

180. S-ro Paffenholz; 181. S-ro Paffenholz (pli aĝa); 182. S-ro Heinz G. el Düsseldorf; 183. S-ro Hájek, Nusle; 184. S-ro Wiesenfeld, Warszawa; 185. S-ro Kostelecky, Párnik; 186. F-ino E. Macháčková; 187. F-ino R. Macháčková; 188. S-ro Em. Jelínek; 189. S-ro J. Jelínek; 190. F-ino Stepánková; 191. S-ro Smetak; 192. S-ro Knourek; 193. S-ro Storch; 194. S-ro Pumr; 195. S-ro Sobischek; 196. S-ino Bínová; 197. S-ro Mink; 198. S-ino Jelínková, Hradec Králové; 199. S-ro Tutsch, Praha; 200. S-ro Achillini, Genova; 201. S-ro Wendler, Pastetten; 202. S-ro Penkov, Mlečevo; 203. S-ro Popiliev, Gumušnik; 204. S-ro Stojnov, Sevlievo; 205. S-ro Fitton, Shepley; 206—207. Ges-roj Boubon; 208—209. S-ino kaj F-ino Focké, Orleans; 210. F-ino Lecointe, St-Jean le Blanc; 211—212. Ges-roj Pilault, Orléans; 213. S-ro Aalderink, Amersfort; 214—216. Familio Kudela; 217—218. S-ro kaj F-ino Hoschek; 219. S-ro Beck; 220—221. S-roj Štancl; 222—223. S-roj Rebíček; 224. S-ro Wolf; 225—226. Ges-roj Eisler; 227. F-ino Neuzilova; 228. S-ro Blazek; 229. S-ro Freund; 230. F-ino Malá; 231. F-ino Límova; 232. F-ino Hanzlíkova, Olomouc; 233. S-ro Tannenbaum, Wien; 234. S-ro Simonek, Chicago; 235. S-ro Pech; 236. S-ro Pešek; 237. F-ino Janovcova; 238. S-ro Šnajdr; 239. S-ro Hrabak; 240—241. Ges-roj Kaisr; 242. S-ino Trávníčkova; 243. F-ino Trávníčkova, Plzen; 244. S-ro Krampl, Letná; 245. S-ro Jíra; 246. F-ino Šteklova, Plzen; 247. S-ro Jankovec, Chotimer; 248. S-ro Pribán, Plzen; 249. S-ro Pothast, Hago; 250. S-ro Hes; 251. S-ro Lukeš; 252. S-ro F. Kovanda; 253. S-ro K. Kovanda, Doubravka; 254. S-ro Laquer, Budapest; 255. S-ro Doerfler, Mühldorf; 256. S-ro Hoffmann, Danzig; 257—258. Ges-roj Laurans; 259—260. Ges-roj Esser, Rotterdam; 261. S-ro Kalmus, M. Ostrava; 262. S-ro Fridrich, Brno; 263. S-ino Johne, Potschappel; 264. S-ro Huenlich, Dresden; 265. S-ro Amort, Danzig; 266. S-ro Bernhard; 267. S-ro Nelz; 268. S-ro Donien; 269. S-ro Schenkel, Friedrichsthal; 270. S-ro Rehak, Kopidlno; 271. F-ino Čechova, Kerhartice; 272. F-ino M. Vašíčkova; 273. S-ro Vašíček, Ustí n. O.; 274—275. Ges-roj Nemec, Karlovy Vary; 276. S-ro Giesswein; 277—278. Ges-roj Tolnai; 279. S-ro Pados; 280. S-ro Major; 281. S-ro Pászty; 282. S-ro Wiesinger; 283. D-ro Racz; 284. F-ino Lederer; 285—286. Ges-roj D-ro Loránd, Budapest; 287. S-ro Socha, Zábreh; 288. S-ro Kincl, Sušice; 289. F-ino Fridrichova, Košičky; 290. S-ro Verner, Praha; 291. S-ro Sobotka, Nová Ves; 292. S-ro Neubert, Kissingen; 293—294. Ges-roj Gottgetreu, Hannover; 295. S-ro Scholze, Reichenberg; 296. S-ro Mielert, Breslau; 297. S-ro Meagher, Dublin; 298. S-ro Liljemark, Gefle; 299—300. Ges-roj Kubásek, Plzen; 301. S-ro Roersch, Dresden; 302. S-ro Meijer, Heerewarden; 303. S-ro Novák; 304. S-ro Gross; 305. S-ro Stary; 306. S-ro Hahn; 307. S-ro Erhart; 308. S-ro Pavlík; 309. S-ro Kolár, Plzen; 310—311. Ges-roj Šilha, Brno; 312. S-ro Haase, Ruzodol; 313. S-ro Kučera, Kladruby; 314. S-ro Garcia Hernandes, Madrid; 315—316. Ges-roj D-ro Fousek, Prelouč; 317. F-ino Morávkova, Praha; 318. S-ro Blum, Krásné; 319. S-ro Krofta, Strašice; 320. F-ino Janalíkova; 321. F-ino Minaríkova; 322. F-ino B. Chytilova; 323. F-ino R. Chytilova; 324. S-ro Chvátík; 325. S-ino Müllerová, Byštrice p. H.; 326. F-ino Dragounova, Olomouc; 327. F-ino Brablcova, Kromeriz; 328. F-ino Semerákova; 329. F-ino Reichlova; 330. F-ino J. Čízkovská; 331. F-ino R. Čízkovská; 332. F-ino E. Čízkovská, Praha; 333. S-ro Kappelmann; 334. S-ro Grützner, Dresden; 335. S-ro Larrea; 336. S-ro Elizondo, Bilbao; 337—340. Familio Kavan, Plzen; 341. S-ro Mikš, Nusle; 342—343. Ges-roj Applebaum, Liverpool; 344. F-ino Havránkova, Prostejov; 345. S-ro Spurny, Kyjov; 346. S-ro Roskes, Hago; 347. S-ro Bárta, Proseč; 348. S-ro Bartal, Ujhartyan; 349. S-ro Kopecky, Rosice u. P.; 350. S-ro Daniel; 351. S-ro Wagner; 352. S-ino Kroutilová; 353. S-ino Cvetlerová; 354. S-ino Veverková; 355. S-ino Petrová; 356. S-ro Doucek; 357. F-ino Vondrova; 358. F-ino Vamberova; 359. F-ino Kratochvílova; 360. F-ino Niesslova; 361. F-ino Antošova; 362—363 F-inoj M. kaj R. Vavrínova; 364. S-ro Meazzini, Badiola; 365. S-ro Rádek, Turnov; 366. F-ino Gaisbauerova, Vizovice; 367. F-ino Brezíkova; 368. F-ino Kilarova; 369. F-ino Grmelova; 370. F-ino Holibkova; 371. F-ino Mikšikova, Bystrice; 372. S-ro Jelínek, Ruzomberk; 373. S-ro Murath; 374. S-ro Hrabak; 375. S-ro Kratochvil; 376. S-ro Bloch; 377. S-ro Oberst, Brüx; 378. S-ro Kaupe, Hago; 379. S-ro Amon; 380. S-ro de Ejszaky, Cluj; 381. S-ro Sappl, Graz; 382. S-ro Ranft, Dresden; 383. S-ro Bouška; 384. F-ino Kvetonova, Vršovice; 385. S-ro Kasal, Plzen; 386. S-ro Spire, Uzhorod; 387. F-ino Dandova, Zizkov; 388. S-ro Kozák, Dobzy; 389. S-ro Svoboda, Praha; 390. S-ro Brich, Bubeneč; 391—393. Familio D-ro Filippetti, Milano; 394. Markizo Montezomolo, Castiglioncello; 395—397. Familio Julia, Céret; 398. S-ro Arrieu, Jeysses; 399. S-ro Donés, Montréjean; 400—404. Familio Stejskal; 405. S-ro Netušil, Smíchov.

**Donacoj.** — S-ro Tutsch 15 K.; S-ro Fitton 20 š.; Esp. Grupo Olomouc 100 K.; S-ro Tannenbaum 175 aŭstr. K.; S-ro Gottgetreu 18 M.; paroĥ. Kučera 100 K.; lernantoj de inĝ. prof. Kroužil 1000 K.

**Deponita mono:** S-ro Degenkamp 1250 Kĉ.; S-ro Faulhaber 2000 K.; S-ro de Boer 2000 K.; S-ro v. Doorne 3000 K.; S-ro Laurans 4500 K.; F-ino Boon 1247 K. 28 h.; S-ro Tannenbaum 250 K.; S-ro Thiébault 397 K. 13 h.; S-ro Jung 53 K. 10 h.; S-ro Molnár 100 K.; S-ro Grenkamp 90 K.

**Garantia fundo.** — 8. S-ro Vinzent 100 K.; 9. S-ro Thiébault 397 K. 13 h.; 10. S-ro Alonso Sanz 100 Kĉ.; 11. Esp. Societo Olomouc 300 K; 12. S-ro Molnár; 13. S-ro de Wolf; 14. Esp. Klubo Plzeň; 15. S-ro Kavan; 16. S-ro Applebaum; 17. S-ro Grenkamp po 100 Kĉ.

**Prezoj de la biletoj por fervojlinioj.** —

Praha-Sob-Budapest: II. klaso 168 Kĉ. + 106 Kh.; III. klaso 84 Kĉ. + 73 Kh. — Praha-Cmunt (Gmünd)-Wien-Graz: II. klaso 84 Kĉ. 80 h. + 183.60 K. aŭstr. + 248.40 K. aŭstr.; III. klaso 42.20 Kĉ. + 91.80 K. aŭstr. + 124.20 K. aŭstr. — Praha-Cheb (Eger)-Kufstein-Brenner-Trento: II. klaso 97.60 Kĉ. + 110 M. + 129.60 K. aŭstr. + 35.80 L.; III. klaso 48.80 Kĉ. + 67 M. + 64.80 K. aŭstr. + 18.90 L. — Praha-Spielfeld-Beograd: II. klaso 97.20 Kĉ. + 399.80 K. aŭstr. + 226.50 D.; III. klaso 48.80 Kĉ. + 199.80 K. aŭstr. + 113.25 D. — Spielfeld-Longatico-Trieste: II. klaso 79.50 D. + 26.45 L.; III. klaso 39.75 D. + 14.10 L. — Brenner-Roma: II. klaso 137.60 L.; III. klaso 71.30 L. — Brenner-Genova: II. klaso 106.25 L.; III. klaso 55.20 L. — Praha-Cheb-Appenweier-Basel-Bern: II. klaso 179.28 M. + 11 Fr. sv.; III. klaso 111.30 M. + 7.30 Fr. sv. — Praha-Strassburg-Lyon: II. klaso 77 Fr. + 35.80 Fr.; III. klaso 47 Fr. + 22.75 Fr. — Praha-Strassburg-Paris: II. klaso 77 Fr. + 71 Fr.; III. klaso 47 Fr. + 45 Fr. — Praha-Dečín (Tetschen)-Aachen-Brüssel: II. klaso 68.80 Kĉ. + 211.20 M. + 17 Fr.; III. klaso 34.40 Kĉ. + 126 M + 10 Fr. — Praha-Dečín-Salzbergen-Amsterdam: II. klaso 68.80 Kĉ. + 172.60 M. + 10.40 n. G.; III. klaso 34.40 Kĉ. + 102.40 M. + 6.30 n. G. — Praha-Berlin-Hamburg: II. klaso 68.80 Kĉ. + 145 M.; III. klaso 34.40 Kĉ. + 89 M. — Praha-Boxtel-London: II. kl. 68.80 Kĉ. + 194.40 M. + 37.50 n. G.; III. klaso 34.40 Kĉ. + 115.70 M. + 33.20 n. G. — London-Calais-Strassburg-Cheb-Praha (Orient-express): I. klaso 561 fr. aŭ £ 14.20. — Praha-Berlin-Rostock-(Kopenhago): II. klaso 68.80 Kĉ. + 77 M. + 54 M.; III. klaso 34.40 Kĉ. + 45 M. + 31.80 M. — Praha-Sassnitz-Warnemünde-(Stockholm): II. klaso 68.80 Kĉ. + 87.60 M. + 85.20 M.; III. klaso 34.40 Kĉ. + 87.60 M. + 85.20 M. — Praha-Leipzig-Frankfurt: II. klaso 68.80 Kĉ. + 50.80 M. + 93 M.; III. klaso 34.40 Kĉ. + 30.40 M. + 55.80 M. — Praha-Strassburg-Paris-Narbonne-Perpignan-(Barcelona): II. klaso 77 Fr. + 71 Fr. + 139.20 Fr. + 8.90 Fr.; III. klaso 47 Fr. + 45 Fr. + 88.55 Fr. + 5.65 Fr.

**Pasportoj.** — Por la veturo al Praha kaj reveno estas necesa pasporto, pretigita de la policestrejo aŭ alia kompetenta ŝtata oficejo, vizita de la ĉeĥoslovaka ambasadorejo aŭ konsulejo kaj de la konsuloj de ĉiuj traveturotaj ŝtatoj.

**Adreso** por aliĝoj kaj prikongresa korespondado: Augustin Pitlík, Praha III, Nerudova 40.

Por la Loka Kongresa Komitato:
*August Pitlík*, ĝenerala sekretario,
*Praha III*, Nerudova 40.

**Rimarko!** — Oni ne forgesu aldoni por respondo respondkuponon aŭ afrankon en neuzitaj naciaj poŝtmarkoj!

**Noto de la Redakcio.** — Jen kiamaniére ni komprenis la prezojn de la vojaĝoj de aŭ al Praha. La vojaĝoj estas laŭpreze dividitaj laŭ la trairataj landoj. Ekzemple la vojaĝo Bruxelles-Praha kostos en II klaso 17 belgajn Frankojn plus 211.20 Mark plus 68.80 Kronojn ĉsl.; en III. klaso 10 belgajn Frankojn plus 126 Mark plus 34.40 Kronojn ĉsl. Cheb = Eger (germane), Dečín = Tetschen.

## OKAZONTAJ KONGRESOJ

**En Zaragoza.** — La 26—28 Majo okazos tie la „Dua Diskutanta kunveno de Esperantistoj de Iberaj Landoj", kies celo estas fondi Konfederacion de diversaj ekzistantaj asocioj regionaj. Parteprenos esperantistoj portugalaj, hispanaj, katalunaj, vaskaj, eĉ sudamerikaj.

**Centra Dana Ligo.** — Jarkunveno de „Centra Dana Esperantista Ligo" okazos en *Odense* dum Pentekosto, la 15 kaj 16 majo a. j.

Eksterlandaj samideanoj estas invitataj.

Pri detaloj oni sin turnu al S-ro A. Christensen, Kastanievej 32, Odense, aŭ S-ro M. Palsberg, Personbanegaarden, Odense.

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri gravaj faktoj. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko“ al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. Ni ne povas raporti pri tio, kion oni ne konigas al ni.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Belgio.

**Liège:** La movado rekreskas; la nova grupo „Lieĝa Ago“ laboras senĉese por starigi la kongreson belgan dum Pentekosto proksima; la definitiva programo baldaŭ estos starigata. — **Sclessin:** Nova kurso kaj nova grupo. — **Seraing:** Nova kurso. — **Baines-Heusay:** Malnovaj Esp-istoj revekiĝas kaj reeklaboras. — **Spa:** La m. de la tiea grupo ludos du komedietojn dum la festo vespera de la Lieĝa kongreso. — **Verviers:** La kurso gvidata de S-ro Pirnay baldaŭ finos kaj jam donis kelkajn novajn m. al la grupo. Nova kurso komencis ĉe la popoluniversitato; ĝin gvidas Jos. Hérion; la grupo kunvenas regule ĉiusabate je la 8a. La 4 urbaj ĵurnaloj anoncis la kurson kaj raportas pri la tutmonda movado. — **Namur, Charleroy, Moresnet:** Revekiĝo de la movado en tiuj tri urboj.

## Britio.

**London:** *Kursoj* de S-ino Margaret L. Blaise. Ĉe Elmfield Road, London County Council, Balham Commercial Institute, Balham, S. W., ĉiumerkrede de 7. 30 ĝis 9. 30 vespere. Speciala klaso por anoj de la Virina Ko-operativa Gildo (Loka). Ankaŭ vendrede, vespere, 7. 30 ĝis 9. 30, por aliaj studantoj. Ambaŭ kursoj tre sukcesis. Ĉe Emily Davison Club, 144, High Holborn, ĉiumarde, 7. 15 vespere ĝis 8. 15, S-ino Blaise instruas komencantojn. De la 8. 15 ĝis 9. 15 ŝi konversacias kun progresintaj studantoj. *Paroladoj:* En Tooting, Labour Institute, London, la 8 marto S-ino Blaise faris propagandan paroladon antaŭ aŭdantaro tre simpatia al la internacia frateca spirito en nia movado. La anoj de la loka Virina Kooperativa Gildo (Edukada flanko de la Kooperativa Movado) jam de kelkaj semajnoj estis petintaj, ke S-ino Blaise ĉeestu unu el iliaj posttagmezaj kunvenoj kaj priskribu la Esp-istan Movadon; precipe por interesi tiujn gildanojn, kiuj ankoraŭ ne studas la lingvon. Kvankam ĉiuj anoj estas tre okupataj personoj, plejparte patrinoj kun multaj familiaj zorgoj, ili tamen faras sian eblon interesiĝi je ĉiuj sociaj demandoj de la nuna tempo, kaj tre interese ili aŭskultis la paroladon. Estonte ili penos starigi ne nur unu, sed du klasojn por studi Esp. En The Emerson Club, 19, Buckingham Street, Strand, London, la 12 marto S-ino Blaise alparolis la m. de la Virina Etika Societo. La sekretario de la Societo petis informojn pri Esp., kaj S-ino Blaise precipe aludis la internacian „internan ideon“. Ĉiuj aŭdantoj esprimis surprizon pri la lasttempa mirinda progreso de Esp., kaj kelkaj diris „Se mi antaŭe scius ĉion tion ĉi, precipe pri la frateca ideo, mi certe pli frue estus lerninta“. Ili ankaŭ parolis pri estonta klaso. Petoj alvenas al S-ino Blaise de aliaj societoj. Jam forpasis la tempo, kiam oni devas fari petojn al grupoj kaj ligoj por paroladi antaŭ iliaj anoj. Nun la tempo venis jam kiam la societoj mem faras petojn al la parolontoj. — **Wood Green.** Kurso de S-ro R. Robertson en la alta lernejo. Parolado ĉe la butikhelpista asocio.

## Bulgario.

**Breznik:** Kurso de S-ro M. Hristov, 12 p. — **Karlovo:** Post sukcesaj paroladoj kurson por gimnazianoj (150 l.) kaj por urbanoj gvidas laŭ „Kursa Lernolibro“ S-ro Krestanoff. La lernanta grupo „Ni venkas!“ senĉese propagandas. — **Kirdjali:** S-ro Vasil Vaĉev Tenĉev gvidas kursojn, ĉe kiuj ĉeestas 40 viroj el tri nacioj: bulgaroj, turkoj kaj hebreoj kaj 12 fraŭlinoj bulgaraj. Ni havas grandan sukceson. — **Loveĉ:** Fervore propagandas S-ro Ivanĉev. — **Pirdop:** Post parolado en la gimnazio de S-ro Krestanoff, kurson kun 35 p. gvidas la prez. de lernanta grupo „Antaŭen“, S-ro Genĉev. — **Sevlievo:** La 22 januaro fondiĝis Esp. societo „Fratiga stelo“ kun 25 m. Prez. S-ro Doĉo T. Stanev, Del. de UEA; sekr. Nikola Georgiev, gimnaziano. Ĉio koncernanta la societon estu adresota al: S-ro Doĉo T. Stanev, abaĝija, Sevlievo. — **Sofia:** Laŭ la iniciato de la Ministro de popola instruado, S-ro St. Omarĉevski, Esp. estas enkondukata kiel deviga fako en la kvin-monata kurso organizita de la ministrejo por preparado de progimnaziaj instruistoj. La instruado estas gvidata de S-ro At. D. Atanasov, subprezidanto de Bulgara Esp. Societo. En la Komerca Ĉambro granda parolado de At. D. Atanasov pri la signifo de Esp. en la komerco. — **Sungurlare** (Karnobatsko): S-ro Apostolov gvidas kurson kun 10 p. kaj fondis grupon „Venko“.

## Ĉeĥoslovakio.

**Arnau:** S-ro Prof. Truntschka faris efikan propagandan paroladon kaj malfermos la 18 aprilo kurson por komencantoj. — **Aussig:** Fondiĝis grupo; prez. Emil Hocke, sekr. Arthur Anton. — **Cerveny Kostelec:** Parolado de F-ino J. Šupichová el Praha: „Comenius kaj ideo de lingvo internacia“. Granda nombro de la partoprenintoj pruvis, kiel kreskas intereso por Esp. en ĉirkaŭaĵo de Cervený Kostelec. — **Cesky Brod:** Kurso de S-ro F. Pátek, lernejinspektoro, 65 p. — **Deutsch-Gabel:** F-ino Meta Heybal gvidas kurson por plenaĝuloj en la burĝa lernejo. — **Eger:** La grupo preparas la eldonon de gvidlibro de Eger, Franzensbad kaj ĉirkaŭaĵo. — **Hradec Králóve:** Komencis du kursoj: elementa kun 25 p. kaj konversacia kun 29 p. — **Jilemnice:** Esp. Rondeto havas 22 p. Gvidas Del. de UEA, L. Riedl. Ankaŭ kurson en gimnazio kun 20 p. li gvidas. — **Karlsbad:** La „Landligo de porfremdulaj aferoj“ eldonos gvidlibron en Esp. La grupo tradukos la tekston kaj tralegos la presprovaĵojn. — **Leitmeritz:** S-ro kapitano Franz Beran, Langegasse 23 fariĝis sekretario de la postkongresa vojaĝa komitato. Aliĝojn kaj demandojn bonvolu sendi al tiu ĉi adreso, aldonante respondkuponon aŭ poŝtmarkon por la respondo. — **Niemes:** S-ro instr. Füssel gvidas kurson por komencantoj kun 40 p. — **Olomouc-Repcin:** S-ro Kudela malfermis Esp. kurson por soc. dem. kun pli ol 40 p. — **Olomouc:** Esp. lumbilda parolado pri Varsovio de S-ro Wolf. Bildoj kaj teksto estas prunteblaj. Estraro de la Esp. Soc.: Prez. A. Kudela, sekr. J. Mastný. Raporto pri la decido de komerca ĉambro en Parizo pri enkonduko de Esp. en lernejoj estis favore akceptita de komerca ĉambro en Olomouc. Laŭ konsilo de ĝia sekr. kaj parlamentano D-ro Wittenberg estis senditaj ankaŭ po 1 ekz. al ministerioj por komerco kaj instruado kaj al loka direkcio de la komerca akademio. — **Pardubice:** Kursoj de S-ro J. Doležal, 30 p., de S-ro L. Berger, 25 p. — **Plzen:** En februaro okazis ĝenerala kunveno de laborista asocio Esp-ista kaj estis elektita jena komitato: Prez. J. Pech, nia agema sam-ano, sekr. J. Hrabák, kas. Přibán, bibl. S-ino Trávničková. Dum la pasinta jaro estis aranĝitaj 4 kursoj en laborista domo kaj 5 kursoj en ĉirkaŭaĵo. Soc.-dem. junularo aranĝis ekspozicion en loka II. reallernejo sur Masaryk-placo, kiu konsistis el dek ĉambroj diversmetiaj; inter ili estis dediĉita unu salono por propagando de Esp. kaj estis disdonitaj multaj flugfolioj propagandaj. La ekspozicion vizitis pli ol 10,000 p. — **Praha:** La germana unuiĝo „Verda Stelo“ malfermis kursojn por 35 komencantoj, kiujn gvidas la prez. de la grupo D-ro Bischitzky kaj S-ro Bunzel. La kursoj por progresintoj kun 15 p. gvidas ankaŭ S-ro Bischitzky. Oni kunvenas ĉiumerkrede en la klubhejmo II Stěpánská 40. — **Prostejov:** Publika kurso 30 p., kurso por instruistinoj 20 p., ambaŭ gvidas F-ino Hamánková. Esp. rubriko aperas en „dré mládi“. — **Reichenberg:** La „Ligo de germanaj Esp. Societoj“ interrilatas sukcese kun la urbestraroj pro la akcepto de la postkongresa vojaĝo, kiun ĝi aranĝas kaj organizos. Tre grandan intereson montris la urbestraro de Saaz. La 30 aprilo la germana Esp. Societo festos la 15a datrevenon de la fondiĝo. La Loka kongresa komitato decidis la 5 aprilo oficiale komisii la „Ligon de germ. Esp. societoj“ aranĝi la 7 aŭgusto 1921 ekskurson de Praha al la Esp. monumento en Franzensbad. — **Saaz:** La grupo festis sian fondiĝdaton. Ĉeestis 1000 p., inter kiuj la tuta urba estraro. Granda

sukceso. — ***Trautenau*:** Fondiĝis grupo. Prez. D-ro Dvorak, sekr. Dittrich. — ***Witkowitz*:** La 1 aprilo komenciĝis 2 kursoj por komencantoj, kune 105 p. Instruas S-ro Benisch Franz, fakinstruisto el Mähr. Cstrau kaj S-ro Janik Hans el Witkowitz. Post la fino de kursoj ni intencas fondi klubon. — ***Ziline*:** Librovendisto S-ro Travniĉek aranĝis malgrandan Esp. ekspozicion. En la knabinlernejo komencis la 1 marto Esp. kurso kun 31 p., sub gvidado de S-ro Lojzo Janza. Propagandaj afiŝoj en stratoj.

## Liberŝtato Danzig.

Post raporto farita de S-ro B. Ketterling, supera poŝtsekr., prez. de Danziga Esp.-Asocio, Del. de UEA, la poŝtestro por la Teritorio de Libera Urbo Danzig, S-ro poŝta konsilisto Zander, invitis la tutan poŝtistaron per oficiala dekreto je klariga parolado okazinta la 14 januaro 1921 en la ĉefa poŝtoficejo. Partoprenis ĉirkaŭe 150 p. S-ro Ketterling paroladis pri la esenco de Esp. kaj ĝia uzebleco. Nova kurso por gepoŝtistoj komencis kun 60 p. Ĉar S-ro Ketterling oficas en Supera Poŝta Direkcio por Teritorio de Libera Urbo Danzig kaj prilaboras ĉiujn kontraktojn kaj korespondaĵojn kun eksterlandoj, li urĝe deziras uzi kiom eble plej multe Esp. kaj petas insiste ĉiujn geoficistojn poŝtajn, telegrafajn kaj telefonajn, ke ili iru aŭ skribu al tiuj oficistoj en aliaj ŝtatoj, kiuj ankaŭ oficas en oficejo por eksterlandaj aferoj kaj instigu ilin por korespondado oficiala en Esp. Oficistoj, kiuj prilaboras eksterlandajn korespondaĵojn, unuavice nepre devas lerni tuj Esp. La uzado en ofico estas la plej grava propagandilo. Oficistoj de eksterlandaj poŝtoficejoj aŭ de poreksterlanda fako de poŝtaj direkcioj bonvolu tuj informi S-ron superan poŝtan konsiliston Otto Reber en Bamberg (Germanio), kiu estas prez. de Internacia Ligo de Esp-istaj Poŝtoficistoj.

## Estonio.

***Narva*:** Fondiĝis grupo, 35 p. Prez. S-ro Lille, sekr. S-ro Ney. — ***Tallinn*:** La Ministerio de instruado petis la unuiĝon „Espero" doni informojn pri la movado. 7 kursoj, 300 p. Instruas F-ino Dresen kaj S-ro Sakarias.

## Finnlando.

***Humppila*:** Kurso inter popollernejaj lernantoj. — ***Mikkeli*:** Kurso ĉe la ambaŭseksa lernejo. Gvidas Albin Lippa. — ***Wiipuri*:** 25 poŝtoficistoj lernas Esp. Gvidas S-ro R. Bergroth.

## Francio.

***Firminy*:** Fondiĝis laborista grupo. — ***Paris*:** Pri la priesp. decido de la Pariza komerca ĉambro aperis favoraj artikoloj aŭ notoj en: „Les échos de l' exportation" (Paris), „Bulteno de la franca komerca ĉambro en Stockholm" (Stockholm), „Narod" (Varsovio), „Progrès Civique" (Paris), „Dos Naie Leben" (Bialystok). Parizaj Esp-istoj revoluciemaj starigis Groupe Espérantiste Révolutionnaire de Paris, sekr. S-ro Guiheneuf, 17, rue Descombes, Paris XVII^e^. — ***St-Etienne*:** Fondiĝis laborista grupo.

## Germanio.

***Berlin*:** En la lasta kunveno la Prez. Ludwig Schiff nekrologis pri la subita morto per akcidento de nia nelacigebla sam-anino S-ino Stubenrauch, 73-jara; ŝi estis vera Esp-istino, ĝis la lasta momento de ŝia longa vivo fidele al nia afero. La kunveno honoris sian memoron ekstarante. Tiam S-ro Prof. Julius Glück parolis elokvente pri la pasinta Krakova mondkongreso kaj invitis al la tutmonda Praha kongreso. Li parolos en la venonta kunveno de la Gruparo la 2 majo, Aŭgusta-lernejo, pri la tre interesa temo: „La diversaj metodoj de propagando". Ĉiuj gesamideanoj estas invititaj; oni pridiskutos la organizadon kaj Esp. propagandon en nia ĉefurbo. Oni aranĝos kursojn perfektigajn, senpagajn, precipe ekzercado en flua parolado por la kongresanoj al la Praha mondkongreso. — ***Frankfurt am Main*:** S-ro Otto Hast faris paroladon pri Esp. kun samtempa ekspozicio de liaj korespondaĵoj. La Frankfurta laborista grupo vigle progresas. Pluraj kursoj komenciĝis. Ankaŭ la blindula grupo vigle laboras. La loka grupo estas tre okupata per la foiraj laboroj. Granda propaganda vespero projektita. Okazis paroladoj de sanec. konsil. D-ro Fulda, fama sciencisto pri hipnotizo, pri „Esp. kaj la scienco", de S-ro Rob. Kreuz pri „Esp. kaj la praktiko". En „Afablatt", gazeto de oficista sindikato, aperis propag. artikolo. — ***Halle a. S.*:** Propaganda kunveno de la Laboristaj grupoj Leipzig kaj Halle. Parolis H. K. Voigt, Leipzig. Bone efikis liaj lertaj sepjara filineto kaj kvinjara fileto kun la 11-jara Lotte Lechner el Leipzig. Rezulto: 2 novaj kursoj kun 50 p. Pluaj estos necese! — ***Hamburg*:** Depost Pasko Esp. estas devige instruata de profesiaj instruistinoj en tri triaj klasoj de la popollernejo ĉe Kaethnerkamp en Hamburg. La Supera instruada estraro donis sian konsenton, post kiam la instruistaro plejgrandparte subtenis la unuaniman deziron de la kunvenintaj gepatroj enkonduki la instruadon de Esp. — ***Höchst*:** Kurso de S-ro Petinger. — ***Köln*:** 320 p. partoprenis la Esp. regionan Kongreson, kies detalan raporton legu sube.[1] — ***Leipzig*:** Propaganda kunveno en „Popoldomo" de la Laborista grupo, parolis H. R. Voigt. Rezulto: Malfermo de dek kursoj kun pli ol 300 p.! De Pasko 1921 oni instruas kun oficistara interkonsento en la 41^a^ publika popollernejo 20 infanojn de la 7^a^ lernejaro ĉiusemajne 2 horojn sendevige en Esp. — ***Markranstädt b. Leipzig*:** En sekcio de la Laborista grupo Leipzig parolis H. R. Voigt el Leipzig. Nova kurso, 30 p. — ***München*:** S-ro D-ro Vogt paroladis en „Börsensaal" pri „Esperanto kiel ilo por la rekonstruado de la mondkomerco". La Laborista grupo aranĝis grandan propagandan paroladon en „Gewerkschaftshaus". Hermann Tanner, majoro je disp. de la svisa armeo, ĝis nun idisto, revenis al Esp. — ***Oederan*:** S-ro Aug. Pitlik el Praha faris Esp. paroladon kun lumbildoj pri la urbo de la XIII^a^ kaj la „Alta Tatra". Granda sukceso. — ***Offenbach a. M.*:** Esp. enpenetras en la instruistaron. Sukcesinta kurso de S-ro Urban el Frankfurt a. M. Vigla movado sub direkto de S-roj Prof. D-ro Büttner kaj rektoro Schäfer. Propono pri nedeviga instruo de Esp. en popollernejoj farita. — ***Usurgen*:** Kurso de S-ro Hest.

## Grekio.

***Gallipoli*:** En rusa tendaro generalo L. Illaŝeviĉ daŭrigas fari paroladojn kaj gvidi kursojn en diversaj baterioj. Kvar grupetoj kun 40 p. Mankas libroj kaj Esp-aĵoj.

## Hispanio.

Dank' al la entuziasmaj klopodoj de S-ro Francisco Mañez en Cheste pli ol 30 aŭstriaj infanoj estis gastigataj en la regiono Valencia. La gastigo de la infanoj, pri kiu ni raportis en nia artikolo „Esperanto savis infanojn" estis multe helpata per la sendo de pli

[1] **Printempa Kongreso de Rejnlanda-Vestfalia Esperanto Ligo (Revelo) en Köln (9—10 aprilo 1921).** — 421 personoj pagis sian kotizon por la Printempa Kongreso de Revelo kaj 320 ĉeestis; do la vizito de tiu ĉi *provinca* kongreso estis tute unika. Malgraŭ ĉiuj malhelpaĵoj, malgraŭ la mizera politika kaj ekonomia situacio, malgraŭ la milila okupacio, malgraŭ la altaj vojaĝkostoj, interrenkontiĝis reprezentantoj de 20 grupoj kaj multaj izoluloj en la rejna metropolo por pruvi al la skeptika mondo, ke Esperanto vivas kaj floras, kaj ke la Esp. movado senhalte kreskas.

Dimanĉon antaŭtagmeze estis malferma kunsido en salono de „Wolkenburg" kun publika parolado kaj ekspozicio. En la nomo de l' urbo Köln salutis la kongreson vicurbestro D-ro Meerfeld, aldonante, ke ĝuste en Rejnlando ni bezonas internacian helplingvon, kiu povas esti ligilo inter la popoloj malamikiĝintaj. Ĉeestis ankaŭ la vickonsulo de Jugoslavio en Düsseldorf, D-ro Krejeer el Zagreb, malnova esperantisto, kelkaj holandanoj, anglo, hispano kaj Ĉeĥo, krome reprezentantoj de la gazetaro, de la eklezio kaj de la estraro de „Libera Studenta Unuiĝo" ĉe l' Universitato de Köln. Ĉefredaktoro Hartenfels de „Hagener Zeitung" faris publikan paroladon refutante per konvinkaj argumentoj la kontraŭdirojn kontraŭ Esperanto.

Posttagmeze okazis la laborkunsido en salono de l' famega „Gürzenich", mezepoka palaco en la urba centro. Kiel lokon de la aŭtuna kongreso de Revelo oni elektis Hagen en Vestfalio. Monkolekto por la Revela kaso rezultigis enspezon de 222 mk.

La kongreson finis koncerto en salono de Lega Societo, ĉe kiu interalie kunefikis la konata koncert-kantistino S-ino Wansart-Haines el Düsseldorf kaj nia blinda S-ano S-ro de Zapater.

Revelo nun havas pli ol 500 membrojn apartenantajn al 22 lokaj grupoj kaj krome pli ol 50 izolajn membrojn. En pli ol 100 lokoj de Rejnlando kaj Vestfalio estas ĉu grupoj ĉu izolaj esperantistoj aniĝintaj aŭ ne al Revelo.

Ankaŭ la nunjara kongreso de germanaj esperantistoj okazos sur Revela teritorio, nome en la mondkonata industria urbego Essen dum la Pentekastoj tagoj. Espereble tiu kongreso havos ankoraŭ pli bonan sukceson, ĉar ĝi estas gravega kiel la unua postmilita Esp. kongreso por Tutgermanio. Aliilandaj samideanoj estas por tiu kongreso kore invitataj. — *Ĉeestinto.*

ol 7000 frankoj kolektitaj en Lyon de la Laborista Esp. Grupo. — ***Bilbao:*** Parolado de S-ro Diaz, suburbestro. Kurso de S-ro Arambillet, 60 p. Artikoloj en naciaj gazetoj. — ***Jerez de la Frontera:*** Sukcesa vesperfesto. Parolado de S-ro Pedro Naranjo en la Ateneo. — ***Palma de Mallorca:*** Kurso de S-ro J. Mascaró, 15 p.

## Hungario.

***Budapest:*** S-ro Ludoviko Kelety el Buenos Aires faris tre interesajn prelegadojn pri la ekonomia kaj kultura situacio de Argentino kaj pri la tiea Esp. movado. Li ankaŭ rakontis sian vojaĝon, dum kiu li ofte bonege uzis Esp. La tre interesan prelegadon li intencas kun lumbildoj en multaj eŭropaj urboj ripeti. De la 15 marto kunvenas nova grupeto ĉiumarde vespere post la naŭa en la kafejo Kovács sur la Oktogonplaco. Partoprenas bone parolantaj malnovaj sam-anoj, kelkaj antaŭmilitaj ankaŭ! La IXa distrikta laborista grupo aranĝas por ĉiuj Esp. grupoj de Budapest ĉiudimanĉe tuttagajn Esp. ekskursojn. La 28 marto estis UEA-jarkunveno en la Socia Muzeo, kie la Del. Paŭlo Balkányi prezentis la jarraporton. Tiu ĉi estis la unua UEA-kunveno en Hungario. La raporto estis unuvoĉe akceptita. Okazis edziĝfesto de S-ro Jenö Szabo kun S-ino Ilonjo Michalsky, multaj Esp-istoj partoprenis. Bonsukcesa tevespero kun prezentadoj en la Socia Muzeo; oni ludis komedieton „Ĉarmulino" kun granda sukceso. S-ro Baghy komencis la 7 aprilo novan kurson. Novaj kursoj en laboristaj societoj. S-ro Laquer faris propagandparoladon en la virinlernejo kaj en reallernejo. Fondiĝis komuna organiza komitato por la Postkongreso en Budapest el la gvidantaro de la diversaj Esp. grupoj. Oni festis la 40-jaran verkistan jubileon de papa prelato D-ro A. Giesswein per solena prezentado. Li estas tutmonde bone konata scienculo kaj politikisto, membro de multaj idealaj societoj kaj prez. de la Hungara Landa Esperanta Societo depost ĝia fondiĝo.

## Italio.

***Firenze:*** Okaze de la kurso gvidata de S-ro Prof. Alessandro Mazzolini, parolado de Prof. Corrado Grazzini en la komunuma lernejo Dante Alighieri. En la Esp. Asocio „Nova Sento" okazis la ĝenerala kunsido kun elekto de estraro: Prez. estas Prof. Corrado Grazzini, sekr. F-ino Prof. Caracciolo. La grava ĉiutaga ĵurnalo „L'Unità Cattolica" publikas artikolon pri Esp. En majo okazos regiona kunveno de Toskanaj Esp. — ***Genova:*** Prof. E. M. Carolfi, tre elokvente paroladis pri nia idealo, tre atente aŭskultita kaj varme aklamita de multnombra ĉeestantaro. Sekve de la enkonduko de Esp. en la programo de ĉi tiea „Ĝenova Popola Universitato" S-ro A. Vaona paroladis tie pri Esp. Bonega sukceso! La nova estraro de la „Laborista Esp. Grupo" estas: Prez. S-ro Barni Giovanni, sekr.-kas. S-ro Managlia. La „L. E. G." senĉese laboras por propagandi Esp., novaj kursoj estas organizataj. — ***Padova:*** Restariĝis „Padova Esp. Klubo", 45 m. Prez. S-ro G. Saggiori. Ejo: Salono de la Internacia Foiro (komerca ĉambro) S. 21 h. — ***Potenza:*** Aranĝinte ekspozicion kun pli ol milo da Esp-aĵoj, ni malfermis la teatreton de la episkopa palaco je la 10a de 6 marto. Parolis lia episkopa moŝto mons. Razzoli, klarigante la necesecon de L. I. por internaciaj rilatoj kaj homara frateco, instigante la ĉeestantojn sekvi kaj favori la Esp. movadon. Poste S-ro F. Cesarini, Del. de UEA, legis longan kaj aplaŭdatan paroladon pri deveno, konstruo, historio, celoj kaj progreso de Esp. Fine instigis kaj dankis la ĉeestantojn, Esp. kaj itallingve, nia juna sam-ano Luigi Taranto. Publiko vizitis poste ekspozicion ĝis la lundo 7 vespere. Kvankam la granda apatio pri nia idealo en la urbo kaj la samtempaj sportaj spektakloj malhelpis la esperitan konkurson, tamen ni povas diri, ke la malmultaj partoprenintoj interesiĝis pri nia festo, kiun oni ripetos en somero. Ni kore dankas UEA, F. E. I. kaj sam-anojn, kiuj kunhelpis, sendante Esp-aĵojn. — ***Roma:*** Post parolado de D-ro A. Stromboli ĉe la Popola Universitato, kurso kun 15 p. gvidata de D-ro B. Migliorini.

## Litovio.

La 27 februaro en urbo Kaunas okazis ĝenerala kunveno de Litova Esperanto-Asocio. Ĉeestis 35 m. kaj kelkaj gastoj. La kunvenon gvidis S-ro P. Medem, kiu raportis pri la agado de Asocio kaj pri Esp-ista movado en Litovio. S-ro Gaigalas raportis pri la agado de Esp-istoj en urbo Ŝiauliai, kie multaj homoj tre ekinteresiĝis pri Esp. En Ŝiauliai ekzistas Esp. kursoj kun 72 p. S-ro A. Klimas parolis pri la neceseco eldoni Esp. lernolibrojn kaj vortarojn por litovoj, kaj raportis, ke estas jam preta (en manuskripto) Esp.-litova vortaro, enhavanta ĉirkaŭ 10,000 Esp.-vortojn kaj estas preparata litova-Esp. vortaro, kiu enhavos ĉirkaŭ 30,000 vortojn; krom tio estas preparata la lernolibro. S-ro Maĉernis proponis elekti la komision, kies tasko estu zorgi pri la eldono de la lernolibroj kaj vortaroj. En tiun ĉi komision estis elektitaj: S-roj P. Medem, Tijunaitis, Maĉernis, A. Klimas kaj Prel. A. Dambrauskas. S-ro P. Medem sciigis sian eksiĝon el komitato de la Asocio pro multaj okupoj. La kunveno kun bedaŭro alprenis tiun eksiĝon kaj elektis por komitato anstataŭ li S-rojn A. Klimas kaj Tijunaitis. Prelato A. Dambrauskas diris kelkajn vortojn pri la neceseco de Esp. gazeto por Baltaj landoj. Gazeto povus eliri en Litovio aŭ Latvio. En la komenco de la somero oni intencas kunvoki la kongreson de Esp-istoj el tuta Litovio.

## Polio.

***Bialystok:*** Okazis en „Zamenhofa Esperanto Societo" lekcio Esp.-lingva de S-ro L. Agourtine el Parizo pri Esp. en Francio. — ***Bydgoszcz:*** Komencis nova kurso regule vizitata de 30 p. Gvidanto sam-ano Pankratz. S-ro Ebert gvidas kurson kun 25 p. Samano Prof. Kronenberg eldonis libreton kun polaj pacifistaj poeziaĵoj, en kiu troviĝas ankaŭ du belaj Esp. poemoj „Amo" kaj „Insigno de l' Kristo". — ***Czestochowa:*** Esp. bone progresas. Troviĝas 20 m. de UEA. Kurso kun 30 p. D-ro Thorn paroladis pri „Esp. kaj tuthomara kulturo". — ***Inowroclaw:*** Propagandas S-ro Prof. Orzech. — ***Krakow:*** D-ro M. Blassberg faris en la pola „Krahova kuracista societo" la 6 aprilo prelegon: „Medicino kaj Esp.", ĉirkaŭ 100 ĉeest. — ***Lodz:*** La Lodza E. S. aranĝis inaŭguracian vesperon en sia nova ejo, Poludniowa 18. Paroladis: Esp. S-ro J. Lejzerowicz, germane, prez. H. Zimmermann. Oni gajnis 10,000 M. La Lodza E. S. aranĝis maskobalon, dum kiu aliĝis al nia movado multaj balanoj. Oni gajnis 50,000 Mk. Malfermiĝis kurso, instruata de S-ro I. Lejzeroviĉ al 30 p. Fondiĝis propaganda komitato, kiun gvidas S-roj Oskar Berman, Poludniowa 13 kaj I. Lejzerovicz, Kilinskiejo 28, Lodz. La tasko de l' komitato estas: eldoni flugfoliojn, informadi pri l' movado, k. t. p. — ***Siedlce:*** Okazis sukcesplena parolado pri „Esp. kaj ĝia apliko en la praktiko", legita de S-ro Wlad. Hiroszewski en instruista seminario antaŭ pli ol 100 p. (escepte kelkaj fervojoficistoj, ĉiuj estontaj instruistoj). Post la parolado S-ro Czeslaw Pruski faris provan lecionon, kies efiko estis tuja fondigo de Seminaria Esperantista Unuiĝo.

## Rumanio.

***Dicsöszentmárton:*** 2 kursoj gvidataj de sam-ano Mihaelo Ütö, direktoro de l' komerca lernejo. — ***Kluj*** (= Kolozsvár): Kurso gvidata de Prof. Marossy. Esp.-lingva propono veninta de la Dresdena Esp-ista policistaro al la ŝtatsekretario de l' internaj aferoj por instrui Esp. al la policistoj, efikis propagande. Tagĵurnalo „Keleti Ujság" aperigas artikolojn favorajn. — ***Kézdivásárhely:*** Kurso gvidata de sam-ano L. Mihályi. Vigla interesiĝo. — ***Mercurea-Ciuc*** (= Csikszereda): Tre efika propagandvespero aranĝita de Prof. J. Venczel en la festĉambrego de l' burĝa knabinlernejo. Kurso sekvos. — ***Oraŝtie*** (= Szászváros): Klopodoj por aranĝi kursojn. — ***Orŝova:*** Sam-ano M. Dudás gvidas kurson. — ***Sibiu*** (= Hermannstadt, Nagyszeben): Kursojn gvidas sam-ano T. Gärtner. — ***Targul-Mureŝ*** (= Marosvásárhely): La agado de la tutlanda centro bone disvolviĝas. Klopodoj por fondi tutlandan Esp.-societon. Instruado per leterkurso. Post la ricevo de l' permeso, ĝis nun longtempe vane petita, nova kursaro komenciĝis; instruas F-ino P. Metz. S-roj D-ro O. Lani, S. Metz, D. Tövissy kaj A. Ĉe. La urbestraro disponigis por la Centro ejon en la urba Kulturpalaco. La lernejoj ankaŭ komencas malfermi siajn pordojn permesante la aranĝon de

kursoj por la lernantaro. Lokaj gazetoj: Egyetértés, Marosvölgyi Munkás, Székelyföld, Székely Napló kaj Tükör ofte aperigas artikolojn tre favorajn. Cetere la tutlanda gazetaro estas favora. — ***Timišoara*** (= Temesvár): Revenis el Siberio sam-ano F. Engelmann, fervora propagandisto, fondinto kaj prez. de l' florinta Esp.-societo en la militkaptita tendaro de Krasnaja Rječka (Siberio). Estas notinde, ke ĉiuj supraj raportoj temas nur pri Transilvanio kaj Banato (novaj landpartoj de Rumanio, ĝis la militfino apartenintaj al Hungario). En la malnova reĝlando ĉio ŝajnas dorma, malgraŭ ripetitaj klopodoj reveki la movadon post la milito.

## Svislando.

***Genève*:** Okaze de la unua datreveno de la morto de H. Hodler la Esp-istoj deponis sur lian tombon kronon kun bando: „Al pioniro de Esperanto la Ĝenevaj Esperantistoj". Parolis S-roj R. Horner kaj H. Jakob. S-ro C. Rogister faris trafan paroladon okaze de la 4a datreveno de la morto de Zamenhof. D-ro Privat pretigas instruistojn per oficiala ŝtatkurso. — ***Lausanne*:** Elementa kurso finis. Farita de la Grupo Zamenhof; 20 l. atingis belan rezulton. Dum la lastaj lecionoj diversaj kantoj estis lernitaj. Ĉiuj partoprenintoj aliĝis la Grupon. Nova elementa kurso komencis la 18 marto, farata de juna kaj nova Esp-isto. Supera kurso daŭras kiel sekvo de l' finiĝinta elementa. — ***Montreux*:** Fondiĝas granda firmo „L' Edition Populaire Internationale", kiu eldonos popularigajn sciencajn verkojn pri ĉiuj temoj (krom politikaj kaj religiaj) en ĉiuj lingvoj, ankaŭ en Esp. La direktorino de la Esp. Fako estas S-ino A. Mexin, Montreux, Grand' rue 63. — ***St. Gallen*:** En la lasta tempo nia movado retrovas plifavorajn kondiĉojn ol dum la pasintaj 6 jaroj. Okazas 3 kursoj privataj. S-ro Kutzli parolis ĉe la Ruĝ-Kruca Societo St. Gallen-Ost, de kio rezultas nun nova kurso kun proks. 10 m. Plia parolado okazis en la Komunuma Junulejo Bruggen (St. Gallen-West) merkrede la 2 marto, de S-ro Ueltschi. Ĉeestis proks. 60 gejunuloj. Ankaŭ en tiu distrikto kurso baldaŭ malfermiĝos.

## Turkio.

***Konstantinoplo*:** Sukcesega parolado de D-ro A. Stamatiadis antaŭ plenplena salonego. Ĉiuj m. de la K. E. A. B. estos estonte m. de UEA laŭregulare. D-ro A. Stamatiadis estis reelektita kiel prez.; D-ro K. Kairis sekr. 3 kursoj de la prez. kaj de D-roj Manolakakis kaj Paksimadas. Ĉiudimanĉe 10—12 h. interparolado, paroladetoj, deklamadoj.

## Ameriko.

***Ituna*** (Sask., Kanado): Du kursoj de S-ro H. M. Rayner. — ***Mercedes*** (Uruguay): S-ino Maria Esther Hurry propagandas entuziasme. — ***Philadelphia*** (Usono): Nova klaso en la W. P. Superlernejo kun 25 p. ĵus stariĝis sub la gvidado de Prof. H. W. Hetzel. La loka Esp. grupo ankaŭ komencos instruadon en du aliaj novaj klasoj sub la estreco de Prez. F. W. Anderson. Esperantiĝo de fama politikisto: S-ro Parley Parker Christensen, kandidato por la prezidanteco de Usono, gvidanto de la farmista-laborista partio, studas Esp. Li vojaĝos baldaŭ al Eŭropo por studi la postmilitajn kondiĉojn kaj vizitos multajn Esp. grupojn. — ***Recife*** (Brazilio): Fondiĝis Esp. grupo: Pernambuka Esp. Societo. Sekr. Th. Villa Nova. — ***Santiago*** (Ĉilio): Fondiĝis grupo „Juventud Esperantista", 2032, calle Bascunán Guerrero. Kurso organizita. Artikolo aperis en „Evolución Ascendente", „La Antorcha", „La Nación". — ***Toronto*** (Kanado): La grupo restariĝis kaj kunvenas en la Societo de Amikoj (Quakers). — ***Victoria*** (British Columbia, Kanado): Paroladoj de F-ino Alice Wicks ĉe la „Epworth League" ĉe la „Parent-Teachers A'tion" kaj dufoje ĉe la Teozofia Societo. Grupo fondiĝis, 16 p.

## Aŭstralio.

***Sidney*:** La sekvantaj ĵurnaloj publikigis artikolojn pri nia afero: „Australasian Manufacturer", pri komerca Esp.; „Cumberland Times", pri Esp. kaj la Ligo de Nacioj; „Alert", pri la lingvo mem kaj ĝenerala novaĵo kaj la „Sunday" jurnalo pri Esp. Braille.

---

# TRA LA GAZETARO

.·. *„L'Esperanto"* (S. Vito al Tagliamento) aperas nun sub bela ilustrita koverto. Ĝi publikigas por lingvoamantoj gramatikon de friula lingvo kaj Esperantan sinonimaron de B. Migliorini. Laŭ enhavo, aranĝo, preso, tiu revuo montras grandan progreson.

.·. *„Esperanto Triumfonta"* ŝercas pri „ujo" per jena komika titolo: „Esperantisto biciklanta el fremda ujo al Esperanta Kongreso"! Tre interesaj artikoloj pri la Foiro de Frankfurt.

.·. *„Germana Esperantisto"* (februaro) publikigas iom pli da Esperanta teksto: Industrio, Esperanto kaj la Bahaj-movado; La maljuna skribisto; Mnemoteknika Kalendaro por 1921; Ĉu objektoj povas havi animojn; Jean Paul pri virinoj; La zorgo pri la vivo. Riĉa 28-paĝa N-ro.

.·. *„La Eklezia Revuo"* aperas sur pli bona papero. Ĝi enhavas en la literatura parto du tre interesajn tradukojn: La naskiĝo de Väjnämöjnen, laŭ la finna epopeo Kalevala, kaj Gastaj Snoboj de W. Thackeray.

.·. *„La Marto"*. La dua N-ro laŭ sia enhavo antaŭvidigas, ke tiu gazeto estos vere praktika. Ĝi enhavas tre utilajn statistikajn kaj poŝtajn informojn rilatajn al Ĉeĥoslovakio.

.·. *„Esperanta Finnlando"* (februaro). Belega N-ro kun ĉarmaj ilustraĵoj kaj interesa enhavo. Ekstraktoj el „Kanteletar"-balada poemaro finna; daŭrigo de la artikoloj pri niaj akademianoj kun portretoj kaj biografiaj notoj; informoj pri la elmeto de afiŝoj en Esperanto en ĉiuj stacidomoj kaj poŝtoficejoj de Finnlando; Resono kaj Rezono.

.·. *„Itala Esperantisto"* (Milano) donas detalojn pri la Internacia Turisma Kunveno en Italio.

.·. *„Nova Tempo"* (Wien). Artikolo pri J. Vrchlický, ĉeĥa poeto. La malseka tero, rakonto de Chr. Engelstoft. Ni rimarkas de kelka tempo la eraremon de germanlingvaj samideanoj uzi „migri" anstataŭ „promeni". Oni migras al Ameriko, sed oni promenas en ĝardeno!

.·. *„La Revuo Orienta"* (Tokio) enhavas interesan leteron de S-ro Fuĵisaŭa pri siaj impresoj en Ĝenevo.

.·. *„Verda Utopio"* (Osaka) enhavas diversajn literaturaĵojn, artikolon pri arta ekspozicio kaj interesajn informojn pri teo.

.·. *„La Marto"* (Haida) enhavas diversajn interesajn artikolojn, „Penserojn" el la „Friedens-Warte" legaĵojn por komencantoj kun klarigoj gramatikaj.

.·. *La Suda Kruco"* (Melbourne). Libereco, artikolo pri la agoj de registaroj kontraŭ la lernado de Esperanto. Esperanto kaj Amikeco. interesa artikolo anglalingva, kiu estas inda esti tradukata esperanten.

.·. *Internacia Komerca Revuo"*, tiu gazeto resumas ĉion kio rilatas al Esperanto en Komerco. Ni rekomendas ĝin al ĉiuj komercemaj esperantistoj.

.·. *„Hungara Esperantisto"* (Szeged) havas interesan biografion de D-ro Giesswein, kiu ĵus festis sian jubileon.

.·. *„Esperanta Finnlando"*, detala raporto de la kunsido de la finna parlamento, kiu decidis subvencii la E. A. F. je 25,000 FM. Jen ekstrakto:

„La Kultura komisiono de la parlamento, kiu unua devis pritrakti la demandon, decidis proponi subvencion por internacilingva movado de 40,000 markoj, dividotan inter esperantistaj kaj idistaj organizaĵoj laŭ la amplekso de ambaŭ movadoj. Al ĉi tiu rezolucio kelkaj anoj de la komisiono esprimis rezervacion, laŭ kiu oni aŭ devus duonigi la sumon aŭ tute ne doni subvencion al la movado.

Kiam la afero venis al la Financa komisiono, tie troviĝis kelkaj tre fervoraj kontraŭstarantoj de la partigo de la subvencio. Kvankam ili ne estis esperantistoj, ili (kiel sanspiritaj komercistoj) konsideris sensence kaj malprudente arte akceli skismon en la kampo. Se oni donos subvencion, oni donu ĝin nur al la pli forta movado, por ke ĝi kiel eble plej rapide venku ĉiujn konkurantojn, „verŝajne naskitajn per personaj ambicioj kaj intrigoj".

En la voĉdonoj de la unua tralego de la ŝtata budĝeto oni 1e decidis subvencii nur unu movadon, 2e decidis, ke Esperanto meritas la subvencion, 3e decidis, ke 25,000 markoj devas sufiĉi kaj 4e.... rifuzis la tutan subvencion per plimulto de unu voĉo el ĉ. 20 komisionanoj. En la dua tralego de la budĝeto la favorantoj de Esperanto venkis la indiferentulojn kaj kontraŭstarantojn per unu voĉo. Tiel la Financa komisiono do definitive proponis al la parlamento, ke Esperanto-Asocio de Finnlando ricevu ŝtatan subtenon de 25,000 markoj. Kaj, kiel ni raportis, ĉi tio fariĝis decido de la parlamento.

Tiel ni atingis nian unuan gravan venkon."

La sama N-ro enhavas 7 belegajn bildojn pri edziĝa festo en Karelio.

.·. „*La Esperantisto* (Wien), la eminenta Raketo de Oskar Wilde, tre amuza rakonto estas publikigata en N-ro 17/18.

.·. „*Amerika Esperantisto*". Preskaŭ la tuta gazeto estas redaktata angle. Inter la esperantaĵoj ni citu la jenan: *Novebakitulo:* „Ĉu nia sulko estas ne sufiĉe fosita?" *Spertulo:* „Ho! ne, La Atakademio deziras fari ĝin sufiĉe profunda por enterigi ion."

.·. „*La Espero*" (Stockholm). „Ne nur prediku sed ankaŭ uzu Esperanton." Tiu trafa artikolo estas aplikebla krom al Svedio al ĉiuj aliaj landoj.

.·. „*Verda Utopio*" (Osaka) daŭrigas la naivan sed interesplenan rakonton „La Knabo trodorlotita" de Soseki Nacume, moderna japana aŭtoro. Ni havis la okazon vidi en Genève ĉe S-ro Fujisaŭa la originalon. Foliumante maldekstre dekstren tiun por ni kuriozan sed ne legeblan japanan skribon, ni unu fojon pli konsciis pri la valoro de Esperanto, kiu ebligas, ke unu sola traduko povas esti legata ĉie de siaj adeptoj.

.·. „*Esperantista movado*" (Kronstadt, pr. de Lenin 30) ĝojas, ke nun post blokado de politika kaj ekonomia vivo la ricevo de eksterlandaj korespondaĵoj en Rusio estas nun ebla (almenaŭ de Britio kaj Germanio).

.·. „*Hispana Esperantisto*" (marto). Bela N-ro kun bele presitaj kliŝajoj pri Praha.

.·. „*British Esperantist*" (aprilo) publikigas la rezultaton de konkurso pri frazo por reklamtabulo. Jen unu el ili: „Post lernado de ses lingvoj estos tempo por morti. Kiam vi lernis Esperanton, tiam vi komencas vivi".

.·. „*Esperanto Triumfonta*" publikigas legendojn de l' Rejno kaj aliajn artikolojn pri Rejnlando kaj Vestfalio.

.·. „*Esperanto-Praktiko*" (aprilo) publikigas kiel aldono al artikolo pri esperantigo de literaturaj verkoj tre interesajn komparojn de germanaj kantoj.

.·. „*La Laborista Esperantisto*" (aprilo). Multaj interesaj literaturaĵoj, inter kiuj „Paro da bluaj silkŝtrumpoj" el la sveda lingvo.

Novaj gazetoj:

.·. „*Libero*". Organo de la studenta grupo de Dai San Kotogakko. Kioto N-ro. 8. Ni ne ricevis la antaŭajn N-rojn. Hektografita 15 paĝa gazeto ilustrita. — Tiu ĉi N-ro estas dediĉita plej parte al la japanaj sportoj.

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: „*Universo*" (München); „*Hungara Esperantisto*"; „*La Espero*" (Stockholm); „*Esperantský Zpravodaj* (Praha); „*La Progreso*" (Plzeń); „*British Esperantist*" (London); „*La Semisto*" (Sabadell); „*Le Monde Espérantiste*" (Paris); „*Esperanto-Praktiko*" (marto); „*La Laborista Esperantisto*" (Hannover); „*Esperantista Laboristo*"; „*Esperantista Movado*" (Kronstadt); „*Kristana Espero*" (Laihia); „*Hispana Esperantisto*" (Madrid); „*Laboro*" (Lisboa); „*Esperanta Ligilo*" (por blinduloj); „*La Unuigita Tuthomaro*"; „*Espero Katolika*"; „*Esperanto Triumfonta*"; „*Nederland-Esperanto*"; „*Itala Esperantisto*"; „*Kataluna Esperantisto*"; „*La Revuo Orienta*".

.·. Ni ricevis jenajn gazetojn, kiuj enhavas artikolon pri Esperanto aŭ UEA: „*La Coopération*" (Basel); „*La Publicidad*" (Barcelona); „*Le Syndicaliste des P. T. T.*" (Poŝtoj, Telegrafoj, Telefonoj) Paris; „*L'Indépendant du P. d. C.*" (St-Omer); „*La Sentinelle*" (La Chaux-de-Fonds); „*Essener Allgemeine Zeitung*"; „*Bergstadt*" (Breslaŭ); „*Peacewards*" (Melbourne); „*Colony News*", organo de la Llano Kooperativa Kolonio, Leesville, U. S. A. (kun du ilustraĵoj pri la Haga Kongreso); „*Národnilisty*" (Praha); „*Eugénia*" (Barcelona); „*La Provincia*" (Las Palmas); „*Svoboda*" (Kladno); „*Neue Lodzer Zeitung*"; „*Ons Noorden*" (Groningen); *Badener Tagblatt*"; „*Rorschacher Zeitung*"; „*Auckland Labour News*"; „*L'Ordre Naturel*" (Paris); „*Burgdorfer Tagblatt*"; „*Humanisten*" (Koebenhavn); „*La Voix des Femmes*" (Paris); „*Volkszeitung*" (Bromberg); „*Pravo Ludu*" (Zilina); „*The Trail*" (London); „*L'Outillage*" (Paris); „*Deutsche Abend-Zeitung*" (Saaz); „*La Paix par le Droit*" (Paris); „*Vernon Parish Democrat*" (Leesville); „*La Chronique*" (Nice); „*Hrvatska Sloga*" (Sarajevo); „*La Vanguardia*" (Barcelona); „*Auerbacher Zeitung*"; „*Neptune*" (Antwerpen); „*L'ère nouvelle*" (Paris); „*Le petit Troyen*"; „*Arbetet*" (Malmö); „*Korespondens*" (Malmö); „*Dziennik Kujawski*" (Inowroclaw); „*Le Moniteur de l'Oise*". Multaj artikoloj aperis en la rusa gazetaro.

.·. „*Portugal Comercial e Industrial*" (Lisboa, Rua do Carmo 90) enhavas kiel kutime Esperantan rubrikon. La lasta pritraktas la sukcesojn de Esperanto en la diversaj foiroj.

.·. „*Volkszeitung*" (Bydgoszez, Bromberg), tre bone redaktata gazeto kun internacia literatura felietono publikigas regule Esperanto-Angulon kaj literaturajn tradukojn el nia gazeto.

.·. „*La Provincia*" (Las Palmas, Canarias) publikigas regule artikolojn pri Esperanto. Ĝi presis la tradukon de nia artikolo pri J. A. Komensky. *R. R.*

# Esperantista Literatura Asocio

*Maja raporto*

„Du mil novaj Zamenhofaj vortoj" estas ĉiel konata esprimo, sed ne ĉiel konata estas la ĝusta titolo de tre rimarkinda libro, aperinta 1908 en la Esperanta kolekto de la Revuo. Ĝia titolo estas: „Du mil novaj vortoj", ĉerpitaj el la verkaro de D-ro L. L. Zamenhof netroveblaj en Universala Vortaro", de Paul Boulet. La „Universala Vortaro" estas parto de la „Fundamento" aperinta 1905.

La laboro de nia samideano Boulet estas tre admirinda pro precizeco kaj scienco. Ĉiu vorto aperas kun sep naciaj tradukoj kaj kun difinoj montrantaj la lokon, kie ĉiu vorto troviĝas. Ekz. ĉe la vorto *abism'* oni vidas en parentezoj: R. a. 4. s. 2, p. 84. Ĉi tio signifas: Rabistoj, akto 4a, sceno 2a, paĝo 84a. Kaj ĉe ABsolut' H. p. 46a signifas, ke la vorto troviĝas en „Hamlet" paĝo 46a. Aliaj vortoj estas ĉerpitaj el „La Revizoro", la „Krestomatio" kaj el „La Virineto de Maro". Krom tio oni vidas la literojn: W-D-E kaj W-E-D ĉe vortoj el germ. Esp. vortaroj, kiujn Zamenhof kontrolis.

Laŭda antaŭparolo de la akademiano Th. Cart atentigas pri la libro, kaj klarigaj notoj de la aŭtoro montras al la leganto la vojon por studadi la interesegan libron, la pioniran laboron de l' pli poste aperintaj vortaroj de Boirac kaj Kabe. El ĉio dirita oni vidas, ke nia Majstro enkondukis aŭ aprobis multajn novajn vortojn, li neniam volis limigi la vorttrezoron de nia lingvo. Ni estu al li dankaj, sed ni ne trouzu nian liberecon. Riĉeco embarasas, tro multaj novaj vortoj sen bezono malfaciligos nian lingvon. Multaj fidelaj Esperantistoj sentis la saman skrupulon, kelkaj el ili daŭre preferis la malgrandan vorttrezoron de la Universala Vortaro. (3492 vortoj). Ĝi ja en la komenco sufiĉis, kiel ne ankaŭ estonte? Tre interesan eksperimenton pri tio faris nia lerta kolegino Roksano per sia traduko laŭ Tolstoj: „Mia onklino Tatiana Aleksandrovna". (Ling. Int. 1912, Nr. 3). Kun bona sukceso ŝi en sia tradukado nur uzis fundamentajn vortojn, kaj ŝi pro tio ricevis premion ĉe literatura konkurso, Antwerpen 1911. Vidu Ofic. Gaz. Dec. 1911). El tio ĉi sekvas, ke ni nur singardeme enkonduku novajn vortojn por ne trobalasti nian lingvon, ĝi ĉiam restu *facila*.

Lasttempe oni trovas en kelkaj tekstoj, ke samideanoj ne bone diferencigas la du vortojn kazo kaj okazo. Laŭ Kabe *kazo* estas

nomo por la formoj de deklinacio de la substantivoj, *okazo* estas tio, kio okazas: feliĉa okazo k. t. p. Laŭ nia sperto *okazo* ĉiam kaj ĉiel estas taŭga.

Kun plezuro ni ricevis diversajn gazetojn, abonitajn kaj ne abonitajn. Estas vera ĝojo, ilin legi, la tekstoj estas bonaj, novaj kaj malnovaj nomoj de kunlaborantoj aperas.

Interesegaj estas 1—3 N-roj de *Verda Utopio*. (Osaka, Japan.). En kortuŝa artikolo „Kien japanoj iros?“ ni vidas, ke la homa gento vere estas unu teksaĵo, unu korpo, suferanta, se ia parto estas disŝirita, vundita. Ni vidas, ke Norman Angell estas prava, dirinte, ke per milito ankaŭ la venkinto suferas. Krom tio japanoj, ensorbintaj la pensojn de Euken, Tagore, Romain Rolland, de Tolstoj kaj de Karl Marx sin trovas en danĝera situacio, kvazaŭ dronintaj en pensa maro. Eble Esperanto estos por ili la Savanto. Kun ĝojo ni legis en Verda Utopio salutvortojn al „Samideanoj en Osaka“ de Inocento Seriŝev, nia granda siberia idealisto. Li, la kuraĝa vilaĝpastro, vizitis 27 japanajn vilaĝojn. Li tie varbis la instruistojn por nia afero, dirante, ke *Esperanto estas Latino de Demokratio*. Ni kune kun ili deziras: „Prosperu via laborego.“

Nia samideano G. Mansfeld, (Merseburg, Germ., Wilhelmstr. 4) sin turnis al E. L. A. kun la peto, ke ni konatigu al la kolegaro lian laborkampon. Li fervore sin okupas pri teozofio kaj deziras konsilon rilate al kelkaj esprimoj. Sukcesplene li ankaŭ prilaboras abelbredadon, ĝi estas praktika laborkampo, kiu havas sian apartan literaturon.

S-ro Norbert Barthelmess nin atentigas, ke lia traduko de „Faust“ bone progresas. Li nun komencos la scenon „Auerbach's Keller“. Aliĝis S-ro Friedrich Jahn, Germanujo, Godesberg a. Rh., Römerstr. 10.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr 18.

## DIVERSAĴOJ

∴ **Cito de famulo.** — *Profesoro Charles Sarolea*, profesoro de franca lingvo kaj literaturo en la Universitato de Edinburgh:

„... Mi scias bone, kiom da argumentoj povas esti uzataj kontraŭ ĉiu artefarita lingvo ĝenerale kaj kontraŭ Esperanto speciale; sed mi scias ankaŭ, ke la argumentoj *por* Esperanto estas pli pezaj ol la argumentoj kontraŭ ĝi, kaj mi scias, ke la plimulto el la argumentoj kontraŭ estas bazitaj sur supraĵa esploro aŭ plena nekonado de la afero.

Miaflanke, mi ĉiam rigardadis la studon de Esperanto kiel studon plej altagrade filozofian. Verdire kaj sen ia troigo, mi konas nemultajn studfakojn pli bonajn por la spirito, ne parolante pri la praktika utileco, ol ĝuste Esperanto. Mi povas ĉi tie pretendi, ke mi estas, mi ne diros aŭtoritato, sed almenaŭ kompetentulo. Mi trastudis proksimume dekok lingvojn eŭropajn aŭ orientajn, malnovajn aŭ modernajn. Sekve, mi rajtas pri tio paroli kiel praktikanta filologo, kaj farante uzon de miaj observoj, de miaj personaj konvinkoj kaj impresoj, mi povas deklari, ke Esperanto havas tre malmultajn konkurentojn inter la tiel nomataj lingvoj historiaj, naturaj, aŭ naciaj, laŭ vidpunkto de literatura esprimpovo. Mi havas pri tio nenian dubon, ke konsekvence de la milito ni en la nun venantaj jaroj alvidos grandegan antaŭenpuŝon donitan al la studo de Esperanto, mi sekve povas kun plena fido diri al ĝiaj fidelaj kaj entuziasmaj defendantoj! „Iru! Antaŭen! Vi faras bonan laboron! Vi agas helpe al internacia interkomprenado. Vi kunlaboras je la forigo de unu el la plej potencaj kaŭzoj naskantaj militon.“

Eltirita el resumo de konferenco farita la 23 oktobro 1919 en la „United Free Assembly Hall“ de Edinburgh.

∴ **Literaturo.** — La ukrajnanoj ĵus festis la 60-jaran datrevenon de la morto de Taras Ŝevĉenko, pentristo-poeto-verkisto, kies „Katerino“ estas tradukita en Esperanto de Devjatnin (Kolekto de Lingvo Internacia, Paris 1912).




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio:** *50 Kr.* **Baltaj ŝtatoj:** *16 Germ. Mk.* **Belgio:** *8 Fr.* **Britio:** *4 Sh.* **Bulgario:** *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio:** *18 Kr.* **Danio:** *5 Kr.* **Finnlando:** *18 Mk.* **Francio:** *8 Fr.* **Germanio:** *16 Mk.* **Hispanio:** *5 Pes.* **Hungario:** *50 Kr.* **Jugoslavio:** *25 Kr.* **Italio:** *10 L.* **Nederlando:** *2.50 Guld.* **Norvegio:** *5 Kr.* **Polio:** *50 P. Mk.* **Rumanio:** *20 Leo.* **Svedio:** *4 Kr.* **Usono:** *1 Dol.*

Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.)*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 5.)*

Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)*

Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro, ĝuas 10% da rabato por anoncoj en la jarlibro kaj rajtas uzi la servon de informpetado.*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

**Al la francaj Delegitoj.** — Konforme al konsilo ricevita de nia Komitatano, S-ro Génermont, ni atentigas la francajn Delegitojn pri la neceso surmeti impoŝtmarkon de 25 centimoj al ĉiu kvitanco superanta valoron de 10 Fr. Alie ili riskus gravajn malagrablaĵojn.

**Formuloj.** — Por faciligi al la Centra Oficejo la laboron kaj samtempe ŝpari poŝtelspezojn, niaj Delegitoj en Britio, Francio, Germanio povas ricevi la formulojn bezonatajn kiel aliĝiloj, membrolistoj kaj preztabeloj de jenaj enlandaj personoj:

*Britio:* S-ro Harry A. Epton, 17, Hart street, London S. W. 1.

*Francio:* S-ro L. Poncet, 36, Rue Victor Hugo, Lyon.

*Germanio:* S-ro Robert Kreuz, Schneckenhofstrasse 13/III, Frankfurt am Main (Süd).

La Delegitoj en aliaj landoj mendu kiel antaŭe senpere ĉe la Centra Oficejo.

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum marto 1921:

Ricevitaj: 782. — Forsenditaj: 1752. — Tuta sumo: 2534. (Antaŭa monato: 2345).

**Kotizoj por 1921.** — Je la 31 marto 1921 estis enkasigitaj 3787 kotizoj (de 774 membroj, 2951 membroj-abonantoj kaj 62 subtenantoj). Krom ili estas 197 dumvivaj membroj. Sume: 3984.

**Subtenantaj membroj.**

*Kvina listo:*

60. S-ro Arthur Bowker, Sheffield. — 61. S-ro Ward Nichols, Washington D. C. — 62. S-ro Bengt Arre, Linköping (Svedio).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Amiens* (Francio, Somme). — D.: S-ro Georges Pourchelle, urba oficisto, 23, rue du Général Doman.

*Bombay* (Hindio). — D.: S-ro Peshoton S. G. Dubash, c/o Unwalla, Peerozshaw & Gafra, Solicitors, Medow Street.

*Charlottenburg* (Germanio). — D.: S-ro Arthur Schulze, muntisto, Trendelenburgstrasse 14. — VD.: S-ro Adolf Grohall, komercisto, Leonhardtstrasse 4.

*Coronel Pringles* (Argentino, Buenos Aires). — D.: S-ro J. V. Merlotti, oficisto, Calle Rivadavia 74.

*Döhlen bei Markranstädt* (Germanio). — D.: S-ro Walter Burkhardt, bienestro.

*Freiberg* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Paul Glöckner, komercinstruisto, Mühlweg 29.

*Grasse* (Francio, Alpes Maritimes). — D.: S-ro Joseph Bouge, farmaciisto, 10, rue de la Poissonnerie.

*Grenaa* (Danio, Jütland). — D.: S-ino Magda Mammen, negocistino. — VD : S-ro Ivar Meldgaard Nielsen, skolta rotestro, Lillegade.

*Le Creusot* (Francio, Saône et Loire). — D.: S-ro Frédéric Fontaine, ladisto, 61, rue Maréchal Foch. — VD.: S-ro François Jacqueson, elektristo, aux Prés Calards.

*Montboyer* (Francio, Charente). — D.: S-ro Gustave Poitevin, negociisto.

*Niederhermsdorf bei Dresden* (Germanio). — D.: S-ro Reinhold Scheibler, instruisto.

*Nömme* (Estonio). — D.: S-ro Eduard Tamm, Metsa tän 23.

*Oederan* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Max Weitzmann, instruisto, Gablenzerstrasse 61. — VD.: S-ro Wilhelm Reichel, instruisto, Frankenbergerstrasse.

*Orsova* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro Mihaly Dudas, tajloro.

*Prerov nad Labem* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro B. Ludvik, lerneja direktoro.

*Ruse* (Bulgario). — D.: S-ro Hristo Kungurov, doganoficisto. — VD.: S-ro Veselin Gerĝikov, studento, Ĵitarska 15.

*Savona* (Italio, Genova). — D.: S-ro Luigi Castagnola, riprezentanto, via Torino 1—2.

*Stoke-on-Trent* (Anglio, Staffordshire). — D.: S-ro Vincent Greaves, porcelana modelisto, Bank House, Chamberlain Avenue. — VD.: S-ro James R. Miller, komerca vojaĝisto, 4, West. Avenue Penkhull.

*St-Imier* (Svisio, Bern). — D.: S-ro Marcel Hofmann, instruisto, 16, rue Agassiz.

*Varna* (Bulgario). — D.: S-ro Miĥail Milĉev, apotekhelpanto, Apteka S. Menaĥemov.

*Ŝanĝoj.*

*Berlin* (Germanio). — D.: S-ro Johannes Schwaiger, komercisto, Zimmermannstrasse 6, Berlin-Steglitz.

*Bradford* (Anglio). — D.: S-ro John T. Holmes, lankombisto, Roundwood Grange, Baildon, Shipley.

*Deventer* (Nederlando). — VD.: S-ro A. A. Suerink, lignaĵisto, Brinkgreverweg 112.

*Huddersfield* (Anglio). — D.: S-ro W. H. Hirst, skribmaŝinoj, 12, John William Street. — VD.: S-ro Fred Clarkson, instruisto, Park View, Lockwood Scar.

*Hull* (Anglio, Yorkshire). — VD.: S-ro F. W. Coulson, ĉefoficisto, 18, May Street, Beverley Road.

*Leoben* (Aŭstrio, Steiermark). — D.: S-ro Hans Puntigam, poŝtestro.

*Luhaĉovice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro H. Ŝipek, kuracisto, villa „Praha".

*Palermo* (Italio, Sicilio). — VD.: S-ro Leonardo Palagonia, studento, via Giovanni Meli 3. p. 3.

*Plovdiv* (Bulgario). — D.: S-ro Penko Stoev, bankkontrolisto.

*Saaz* (Ĉeĥoslovakio). — VD.: S-ro Franz Waller, instruisto, Saaz 157.

*Tallinn* (Estonio). — D.: F-ino Helmi Drezen, W. Brokusmaĝi 4—2.

*Tarto* (Estonio). — D.: S-ro Rudolf Blaufeldt, drogisto, Jaamatänav 32.

*Trento* (Italio). — VD.: S-ro Berto Antoniolli, librotenisto, S. T. A. T.

*Västerås* (Svedio, Västmanland). — VD.: S-ro Karl Axel Elfving, lokomotivestro, Lindaro 3.

Lokoj kun alilingvaj nomoj: Ruse = Rustchuk, Roustchouk; St-Imier = St. Immer; Tallinn = Reval; Tarto = Dorpat. Saaz = Zatec.

La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Beaujeu* (Francio); *Borzoli* (Italio); *Enköping* (Svedio); *Karaĉi* (Hindio); *Kilkenny* (Aŭstralio); *Konĉanica* (Jugoslavio); *Los Angeles* (Usono); *Seelingstädt* (Germanio); *Turgi* (Svisio); *Zutphen* (Nederlando).

# Esperantista Parolejo

## Oni laŭdas!

Pro komercaj aferoj *S-ro Carles* trapasis tra Limoges, kie li estis amike akceptita de S-ro Lamant, la malnova kaj zorgema Esperantisto. Dank' al la helpo de S-ro Lamant li povis facile viziti fabrikejojn kaj trakti interesajn aferojn. Oni ne povas forgesi la agemecon de S-ro Lamant por peresperantaj aferoj de UEA. Ni esperas, ke dank' al li kaj al la helpo de la ĉiam sindona S-ino Honorat la urbo Limoges baldaŭ renaskos saman Esperantan prosperadon kiel antaŭ la milito. Estos vere utila, por la propagando de nia lingvo, elekti specialan tagon por festi Esperanton, tiamaniere, ke ĝi nasku en la mondo veran atenton pri nia movado. Oni povus elekti, por tiu festo, tagon pli malpli fama en la Esperanta historio, kiel ekzemple la naskon aŭ morton de *D-ro Zamenhof*, k. t. p., sed ŝajnas al mi, ke plej bone estus elekti taŭgan tagon por festo, tio estas tago nek vintra nek somera, sed dolĉa tago de printempo. La dimanĉo de Pentekosto ŝajnas al mi tre taŭga, ĉar ĝi estas sekvata de alia tago, en kiu oni kutimas (almenaŭ en Francio) efektivigi plenan ripozon aŭ kampan promenon. La lundo de Pentekosto, ĉiuj Esperantistoj povos kuniĝi kaj efektivigi festan tagon laŭ konvena maniero. Mi do proponos la jenan decidon en la Kongreso de Praha: „La dimanĉo kaj lundo de Pentekosto estos ĉiujare elektataj kiel festaj tagoj por festi Esperanto en la tuta Esperantistaro. Ĉiuj grupoj kunvenos dum tiuj tagoj kaj festos laŭ ilia volo".

Carles, Komitatano de UEA, Béziers.

.˙. S-ro *Ch. Brunet*, Del. en Bordeaux (Francio), tre danka estas al S-ro K. Bassi, Del. en Lugano (Svisio) pro afabla plenumita servo komerca, kiu daŭris pli ol 6 monatoj (serĉado de adreso kaj persono).

.˙. S-ro *Marchetti* en Trento dankas S-ron Arabeno, Del. de UEA en Genova pro tre grava komercinformo afable liverita.

.˙. S-ro *Eskil Johansson*, en Eskilstuna, dankas la Komercan Esp. Grupon en Dresden pro ĝia afablega helpo kaj perado de negoca afero kaj S-ro A. Schmieder pro lia bonvola prizorgo de ekspedo.

.˙. *Esperantistoj el Tarrasa* dankas kore gesamideanojn el Ĉeĥoslovakio por ĝentilaj informoj por XIII[a] Kongreso.

.˙. Ges-roj *Krestanof* kaj ilia filineto Stella en Pirdop (Bulgario) elkore dankas S-ron Hans Jakob, ĝen. sekr. de UEA, S-ron Henry W. Hetzel, Del. en Philadelphia, kaj la tieaj samideanoj por iliaj afablaj Kristnaskaj donacoj.

.˙. S-ro *Kurt Kauffmann*, Del. en Heidelberg, kore dankas al F-ino Gérard, VD. en Paris, por vere afabla havigo de libro, aperinta en Paris.

.˙. S-ro *Eduard Ney*, VD. en Narva, tutkore dankas S-rojn V. Kraus, D. en Praha I, kaj F. Ŝilha, VD. en Praha II, pro afable plenumita grava servo.

.˙. S-ro *Leono Agourtine* dankas S-ron Ellersieck, membro de UEA en Berlin, S-ron Wiesenfeld, membro de UEA en Warszawa S-ron Ŝapiro, delegito de UEA en Bialystok, S-ron Ketterling, delegito de UEA en Danzig pro afabla akcepto dum vojaĝo.

.˙. S-ro *H. Sakarias* en Tallinn, Estonio, dankas tutkore S-ron Walter Ranft en Dresden pro lia ĉiama helpemo kaj diversaj komplezoj.

.˙. S-ro *Oscar Sinner*, Innsbruck, skribas: „reveninte el Siberio, kie mi estis devigata travivi 5 malĝojajn jarojn kiel militkaptito, mi tutkore dankas al la afablaj gesamideanoj, kiuj tie tre mildigis mian sorton per ilia afableco. Precipe mi dankas al S-ro markapitano Josifuĝi Oba, pro lia senmezura komplezeco kaj pro lia ofta, plej malavara gastigado sur la japana kuracŝipo „Hizen". Multe mi dankas ankaŭ al la Rusaj samideanoj pro ilia ĉiama ĝentileco."

.˙. S-ro *St. Minkov* en Sofia (Bulgario) dankas S-rojn F. Kocher en Burgdorf kaj Dragomir Andonoviĉ en Belgrad pro fariaj servoj al lia direktoro dum vojaĝo.

.·. S-ro *J. D. Applebaum*, VD. en Liverpool kore dankas S-ron B. Kötz, Del. en Leipzig, S-ro D-ro Dietterle en Leipzig, S-ron Hans Koch, VD. en München kaj S-ron Hefti en St. Gallen por afablaj servoj plenumitaj okaze de vojaĝo.

.·. S-ro *R. Richez* en Genève kore dankas S-inon Mexin, Del. en Montreux, pro ŝia bona akcepto.

## Oni petas!

.·. *Urĝa peto!* Ĉar la frakcio de l' popolsocialista partio intencas fari al la urba konsilantaro de Zurich la proponon pri enkonduko de Esperanto en la lernejon, la subskribinto, komisiita pro tiu ĉi celo kolekti la necesan materialon, petas la samideanojn pri la necesa materialo, por montri al la urbestraro la disvastigon de Esperanto en la lernejoj. Speciale oni petas informojn kie kaj kun kia sukceso oni jam enkondukis Esperanton kaj, ĉu devige aŭ fakultative. Sendaĵojn oni sendu al samideano Karl Jost, Culmannstrasse 57, Zürich 6, Svislando.

.·. *Alvoko!* — Mi petas samideanojn en ĉiuj landoj sendi al mi afable priskribon de ĉiaspecaj superstiĉoj, disvastigitaj en iliaj landoj. Mi intencas prilabori la materialon tiamaniere amasigitan. Kontraŭservo laŭ deziro! Adreso: V. Čánský, Del. de UEA, Nusle 5, Ĉeĥoslovakio.

.·. *Insista peto al poŝtkartinterŝanĝantoj!* — En la nomo de la Delegitoj ne havantaj tempon private interkorespondadi per ilustritaj poŝtkartoj, precipe kun komencantoj kaj junuloj, mi tre petas ĉiujn, kiuj intencas peti ilin korespondi, ke ili ne faru tion kaj se ili petas adreson de alia korespondemulo, nepre aldonu respondkuponon aŭ respondmonon! Mi estas tro okupata per propraj kaj oficialaj aferoj kaj tute ne havas tempon respondi la ĉiutage ricevitajn poŝtkartojn de korespondemuloj! Laŭeble mi diskonigas iliajn adresojn, sed ne miru, se ne venas respondo! Ankaŭ migrantajn kartojn mi ne pluen sendas (cetere la hungara poŝto ne akceptas ilin!). En Esperanto estas sufiĉaj adresoj de korespondemuloj, elektu el tiuj kaj lasu la delegitojn trankvile! Paŭlo Balkányi, Budapest. *Tute prave (Red.)*

.·. *Peto.* — Rusaj rifuĝintoj en Egiptio decidis lerni Esperanton. Ili tre petas, ke oni bonvolu sendi al ili lernolibrojn kaj vortarojn en rusa, aŭ, se mankas, en franca lingvo. Esperantaj legaĵoj estos ankaŭ danke akceptataj. Adreso: M. Tchernikhovsky, Russian Camp B., Sidi-Bichr, Alexandria, Egiptio.

.·. *Peto el Rusio.* — Petrograda Societo Esperantista „Espero" (adreso: Fontanka 17, Petrograd) kaj Esp. Societo de Kronstadt (pr. de Lenin 30) petas ĉiujn Esperantajn redakciojn, organizaĵojn kaj izolajn samideanojn sendi ĉiajn gazetojn, librojn, presaĵojn de 1918 ĝis nun. Ĉiuj sendintoj ricevos kompense eldonatan de la Societo ĵurnalon rusan kaj Esperantan.

N. d. I. R. — La poŝtaj rilatoj kun Rusio ekzistas nur en kelkaj landoj. Nia Delegito S-ro Eduard Tamm, Metsa tän 23, Nömme (Estonio) proponis lastatempe lian afablan helpon por transsendoj al Rusio.

.·. *Helpemuloj,* kiuj volas helpi en mizero vivantajn hungarajn samideanojn, sendu la monhelpojn al adreso de kasisto de la Landa E. S. S-ro Elek Tolnai, V., Koráll utca 9. II. 5, Budapest!

## Komisiono por ĝenerala organizado de Esperantistoj

La komisiono starigita dum la Haga Kongreso por prepari planon por la organizado de la Esperantistoj jam esploris la aferon kaj nuntempe studas diversajn projektojn pri Statuto. Bedaŭrinde la tempo ne sufiĉas por plene raporti antaŭ la printempo, laŭ la deziro de la kongreso, sed la komisiono daŭrigas sian laboron kaj esperas raporti en sufiĉa tempo antaŭ la Praha Kongreso.

*W. M. Page*, prezidanto.

## La Foiro de Paris

*(10—29 majo 1921)*

Delegitoj de UEA kaj ĉiuj nefrancaj komercistoj, kiuj vizitos la Foiron de Paris, povos sin turni al la speciala butiko starigita de la Esp. Pariza Grupo kun la oficiala permeso de la Komitato de la Foiro. Ili tiuloke trovos utilajn informojn pri komercaj, industriaj kaj turismaj aferoj en Franclando.

# TRA LA FAKOJ

.·. **Samideanoj — psikistoj!** Mi petas ĉiun samideanon, kiu partoprenos la XIII-an en Praha, ke li tuj anoncu sian adreson al mi, por ke mi povu prizorgi ĉion necesan por la Psika sekcio — laŭ la nombro de la partoprenontoj. — Jen ĝeneralaj temoj de nia kunsido: 1. Universala faka kunlaboro. 2. Centra faka redakcio. 3. Faka vortaro Esperanta. — Krom tiuj ĝeneralaj temoj anoncis jam kelkaj samideanoj siajn paroladojn. — O. Sklenčka, Del. de UEA, Hradec Králové, Ĉeĥoslovakio. (Esperantistaj gazetoj estas petataj represi la alvokon!)

.·. **Al Esp. socialaj laborantinoj!** Por revivigi la „Universalan Virinan Asocion" mi petas, ke ĉiuj Esp-inoj, precipe la iamaj laborantinoj, sendu afable siajn proponojn kaj dezirojn (ne forgesu aldoni respondkuponon aŭ neuzitajn poŝtmarkojn) al F. Nesmeráková, instruistino, aranĝantino de faka virina kunveno ĉe la XIII-a U. K. E., Praha-Vršovice (Ĉeĥoslovakio), Barákova 174.

.·. **Teozofia Esperanta Ligo.** — La Teozofia Esperanta Ligo estas restarigita. Tiu ligo fondita antaŭ la milito, havis multajn membrojn en ĉiuj landoj, kaj posedis periodan gazeton.

La teozofia movado fariĝas, ĉiutage, pli kaj pli grava, kaj ĉiuj teozofoj opinias, ke la lingvo Esperanto estos mirinda „ilo" por atingi niajn celojn, kiuj estas:

*Unua* — Formi kernon de Universala Frateco inter la Homaro, sen distingo de kredo, de sekso aŭ de koloro.

*Dua.* — Instigi al la kompara studado de la religioj, de la filozofio kaj de la sciencoj.

*Tria.* — Esplori la neklarigitajn leĝojn de la naturo, kaj la potencojn kaŝitajn en la homo.

*Kvara.* — Konigi Esperanton al la Teozofia Societo, kiel ties internacian lingvon.

Deviga al ĉiu membro estas nur unu principo: *Universala Frateco.* Ĉiuj malnovaj membroj, kaj ĉiuj interesiĝantoj je tia movado, sendu aliĝon al la ĝenerala sekretario: S. Frantz, 21, rue Alain Chartier, Paris XVe.

.·. **Sportistoj** — Sportistoj de la tuta mondo unuiĝu! Je la fino de 1920 estis fondita sub la nomo de Universala Sport-Ligo ligon celanta: organizi sportistan internacion, plimultigi kaj plifaciligi rilatojn inter ĉiulandaj sportistoj. U. S. L. celas ankaŭ krei sportan literaturon, servi kiel peranto ĉe la internaciaj rilatoj de la sportaj organizaĵoj, diskonigi kaj disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto ĉe la sportistaj rondoj. U. S. L. serĉas reprezentantojn en ĉiuj urboj. U. S. L. invitas Esp. grupojn vigle propagandi Esperanton ĉe la sportistaj organizaĵoj eble malfermante kursojn por sportistoj. Membro de U. S. L. devas fariĝi ĉiu sportisto, sportistino aŭ sporta organizo, kiu akceptas la celojn de U. S. L. Jara kotizo estas 2 svisaj frankoj. Por landoj de la centra eŭropa kronsistemo la kotizo estas 15 kronoj. Aliĝu senpere ĉe la sekretariokasisto S-ro Stefano Pedrazzini en Locarno (Svisio). Por la Centra Komitato de U. S. L.: Angelo De Masi; Stef. Pedrazzini.

## Al ĉiulandaj geinstruistoj!

Estante aranĝantino de faka kunveno pedagogia ĉe la XIIIa Universala Kongreso Esperantista en Praha, mi petas ĉiulandajn geinstruistojn pri afablaj proponoj rilate tiun ĉi laboron.

Ĉion sendu (kun respondkupono aŭ neuzitaj poŝtmarkoj) al

*Julie Šupichová*, faka instruistino,
*Praha II-2032* (Ĉeĥoslovakio).

## Al hebreaj gesamideanoj!

Jam antaŭ la milito mi intencis unuigi la hebreajn samideanojn en granda nacia unuiĝo; mi korespondis pri tiu plano ankaŭ kun nia majstro, kiu aprobis la projekton. La mondmilito interrompis la jam komencitajn laborojn. Nuntempe, la hebrea nacio estas nun ankaŭ de ĉiuj registraroj oficiale ekkonita, mi komencas denove realigi la malnovan projekton.

Dum la venonta Esp. mondkongreso en Praha okazos kun afabla permeso kaj subteno de la kongres-sekretariejo kunveno de samcelanoj; tial mi petas, ke ĉiuj interesuloj anoncu al mi siajn adresojn sciigante samtempe, ĉu ili partoprenos la kongreson. Mi tre volonte atendas, ke mi ricevos multajn aliĝojn por la vere necesa „Tutmonda Esp. hebrea asocio", precipe, ke en ĉiu lando de la mondo almenaŭ unu samideano akceptu la taskon de helpanto ĝis la kongreso en Praha. La interesuloj ricevos ĝustatempe sciigon pri la aranĝo de la laboroj.

*Wilhelm Heller,*
*Leitmeritz a. E.* (Ĉeĥoslovakio).

.·. **Sciencistoj en la 13a Kongreso.** — Estas bezone, ke la sciencistoj-esperantistoj havu post longa tempo denove okazon pridiskuti gravajn temojn, kiuj interesas Esperantismon egale grave kiel la sciencon. La 13a kongreso estos okazo por tio. Ĝojiga kaj instruema ĝuo estas en la dumkongresa kunveno aŭskulti raportojn pri la ĝis nun atingitaj rezultatoj en la Esperanta faka scienca terminologio, kiujn prelegos fakuloj de koncernaj sciencoj. Mi organizos tiajn raportojn laŭ ĉiuj sciencoj kaj petas sinjorojn kolegojn pri afabla sciigo, pri kia scienca terminologio ili estus pretaj raporti (mi mem faros raporton pri la ĥemio). La raportoj eldonitaj poste en libro estos certe instrua lingva verko de Esperanto. Ĉiujn koncernajn proponojn bonvolu afable sendi (kun respondkupono aŭ neuzitaj poŝtmarkoj) al D-ro Stan. Kamaryt, profesoro de reallernejo en Bratislava, Tělocvičná 3 (Ĉeĥoslovakio).

### Al ĉiuj Kuracistoj

*Karaj Kunfratoj!* La granda milito rompis nian Xan Parizan Kongreson, rompis niajn amikajn kolegajn rilatojn, rompis nian T. E. K. A.'n kaj nian organon „Kuraciston".

Ĝuste antaŭ la milito estis elektita nia nova T. E. K. A.-Estraro, nome: Prezidanto Prof. D-ro Gariel, Paris; vicprez. Prof. D-ro Bujwid, Kraków, kaj D-ro Artigues, Paris; kasisto D-ro Alexander, London, kaj ĉefsekretario D-ro Nemser, Petersburg. Sed la milito dispelis kaj disdividis nin ĉiujn. Multaj el ni militservis, multaj suferis grandajn perdojn, ne unu mortis. La subskribita estis transportita, kiel militkuracisto, Rusion kaj devis fermi la oficialan organon de T. E. K. A., „Kuraciston". Ni eĉ nenion scias pri ni ĝis nun.

Sed eble jam venis la tempo por nin retrovi, restarigi nian Asocion, renovigi niajn komunajn profesiajn rilatojn. La opinio de kelkaj fervoraj T. E. K. A.-anoj (D-ro Briguet, D-ro Bischitzky, D-ro Blassberg, D-ro Weiss, D-ro Perl, D-ro Poncet) kaj precipe de nia ŝatata vicprezidanto, D-ro Artigues, estas favora por la baldaŭa rekomenco de nia laboro.

En la nomo de tiuj amikoj de nia movado mi sciigas ĉiujn T. E. K. A.-anojn, ke dum la XIIIa Internacia Esp. Kongreso, okazonta en Praha en la fino de julio 1921, estos aranĝataj 2—3 *kuracistaj kunsidoj*, dank' al afabla helpo de D-ro Bischitzky, malnova T. E. K. A.-ano kaj samtempe ano de la Loka Kongresa Komitato en Praha.

Kelkaj kolegoj jam anoncis por tiuj kunsidoj sciencajn paroladojn („Pri lumterapio", „Pri kontraŭmalsana asekuro", „Pri medicina terminologio"). Unu kunveno estos dediĉita speciale al la priparolado de niaj internaj aferoj. Post la Kongreso okazos komuna ekskurso al la famaj banlokoj (Karlsbad, Marienbad, Franzensbad kaj Joachimstal), kie nin atendos kaj akceptos niaj kolegoj, reprezentantoj de T. E. K. A.

Karaj Kunfratoj! Mi Vin tre petas helpi al niaj penoj, aliĝi al la XIIIa Kongreso, alveni Praha'n, alsendi jam nun Viajn ideojn aŭ proponojn kaj anonci Viajn raportojn — por ke ni povu firme komenci nian agadon, apogante nin sur Via helpo kaj fervoro.

Skribu aŭ al mi, aŭ al D-ro Bischitzky, str. Mikulavska 12, Praha (Ĉeĥoslovakio).

D-ro *W. Robin*, ĉefredaktoro
de „Kuracisto", str. Marsratkowska 113, *Warszawa* (Polio).

## Ĉirkaŭ la XIIIa Kongreso

.·. Internacia Somera Lernejo estas aranĝota de la Internacia Virina Ligo por Paco kaj Libereco. Ĝi okazos la 1—15 aŭgusto en la „Mozarteum" en Salzburg (Aŭstrio) Okazos paroladoj en franca, angla, germana lingvoj pri „Edukado al Internaciismo", pri arto, muziko, literaturo. Petu prospekton de F-ino Emily G. Balch, sekretariino, 6, rue du Vieux Collège, Genève.

.·. *Alvoko! Postkongreso Esperantista en Budapest!* Tuj post la Praha kongreso! Belega, komuna vojaĝo tra Bratislava (Pozsony, Pressburg) kaj sur la Danubo al Budapest. Tie tri tagaj kongresfestoj kun koncerto, prezentado, ekskursoj ŝipaj, k. t. p. Anoncu tuj vian partoprenon ĉe sekretario de la Landa Esp. Societo, Aleksandro Laquer, Budapest VII, Király strato 57/II.

**Al la Kongresanoj de la XIIIa.** — La Esperantistoj de *Wien* kore invitas vin viziti ilian urbon ĉu antaŭ, ĉu post la Kongreso. Plej bona akcepto estos rizervata al vi. Se vi trapasas tra Wien, bonvolu sendi vian adreson al S-ro Hugo Steinhauer, Böcklinstr. 8, Wien II, por ricevi cirkuleron kun detalaj informoj.

La urbo de la „Kvara", *Dresden*, aranĝos *Internacian Antaŭkongreson* kaj invitas kore la vizitontojn de la Praha-kongreso.

Provizora programo: — *28 julio.* — Antaŭtagmeze, vizito de la vidindaĵoj de la urbo. — Tagmeze, komuna tagmanĝo en la „Granda Ĝardeno". — Vespere, publika propaganda kunveno, poste eventuala vizito de koncerto.

*29 julio.* — Antaŭtagmeze, veturado per speciala ŝipo sur Elbe al Pillnitz kaj promenado. — Vespere, granda festo kun balo internacia.

*30 julio.* — Komuna veturado al Praha per (se eble) speciala vagonaro. La kongreskotizaĵo estas ankoraŭ komunikota. Per afabla helpo de la porfremdula asocio kaj de la polica kaj poŝtista Esp. grupoj estos ĉio bone organizata. Venu multnombre, ni promesas agrablan restadon. Anoncu tuj per poŝtkarto vian partoprenon, ni poste sendos al vi ĉiujn niajn informilojn.

*S-ino Prof. Hänkel. D-ro Hch. Arnhold. Karl v. Frenckell.*
*W. Ranft*, sekretario, Dresden-N, Hauptstrasse 38.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Ulĉica*, Del. en Tecuci (Rumanio), naskiĝis filino nomita Iliana.

Al Ges-roj *Figuerola-Diago*, el Barcelona, naskiĝis filo nomita Fernando.

Al Ges-roj *Fujisaŭa*, en Genève, naskiĝis filo nomita Ĝeneo.

Al Ges-roj *Tressel*, Del. de UEA en München, naskiĝis filo.

Al Ges-roj *Gervois*, Paris, naskiĝis kvara filino Gisèle-Andrée.

**Edziĝo.** — F-ino *Magdeleine Richez*, Paris, kun S-ro *Frans Tasse*, el Forchies-la-Marche, Belgio.

**Honorigoj.** — S-ro *D-ro Madinier*, UEA-ano en Lyon, estas ordenita kavaliro de la Honora Legio pro sia sindonemo al la vunditoj.

La UEA-membroj fervojistoj en Olomouc (Ĉeĥosl. Resp.) S-ro Jos. Rĕbiček iĝis ĉefkonsilanto, S-roj Blažek kaj Pavelka inspektoroj.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**F-ino J. Finholdt**, komitatanino kaj dumviva membrino de UEA, mortis en Kristiania laŭ noteto aperinta en „La Espero". Je nia miro ni ricevis el Norvegio neniun informon nek nekrologion pri tiu okazintaĵo. Ni raportos en nia proksima N-ro.

**A. F. Fjedorov**, posedanto de muzikmagazeno „Simfonio" en Moskvo, mortis 68-jara en Kostroma.

Li mem estis komponisto. Li tradukis kaj eldonis multajn Esperantajn muzikaĵojn.

**S-ro Guibal**, patro de nia Del. en Cette.

**Herschel S. Hall** mortis 47-jara en Ashland, U. S. A. Li tradukis Rakonto kaj Aventuro, La Premiito, Sur la Batalkampo.

**S-ino Artur Pavelka**, edzino de fervora membro en Olomouc.

**S-ro A. T. Priestman**, Bradford. Ankoraŭ unufoje la perfortulo, Morto, frapegis nin. Post kelkmonata baraktado kontraŭ plikaj-plifortiĝanta malsano, S-ro A. T. Priestman cedis la vivon kaj forpasis el niaj vicoj por ĉiam.

Kun dolorplena koro mi skribas la vortojn. Al mi, de la unua renkontiĝo en la Esperanta movado, li estadis gvidanta frato. La Esperantistoj ja perdis veran samideanon, sed, ho ve! tiu perdo al mi pligraviĝas pro niaj intimeco kaj kunlaborado.

Dum 15-jara kunlaborado ni projektadis kaj agadis en plena interkonsento ĉiam portantaj antaŭ ni la devizon „Por la Afero". Nenia penso pri „vi kaj mi", nur unu motivo — kiel plej bone antaŭenigi la movadon.

Kiel administranto de grupaj, naciaj aŭ UEA'aj aferoj, li ĉiam sin montris lerta, vigla, modesta, altinspirata. La vera Esperantismo trovis ĉe li fruktoportan teron, el kiu kreskis la Amo, la Frateco, la Simpatio, la Larĝanimeco.

„Lia koro estis de tia spec', ke se en ĝin estus semita Malamo; tiu elkreskus en Amon."

Amiko mia kara! Via cindro pace ripozu! Via spirito restas ĉe ni, kaj solene ni ĵuras disvastigi la de vi amatajn principojn, ĝis venos la tempo, kiam ni denove kuniĝos kun vi. Kuraĝe antaŭen! — *J. T. Holmes.*

**John L. Stanyan** mortis en Middletown Conn. Li estis la eldonisto, kompostisto, presisto, bindisto kaj sendinto de „La Babilanto", kiu aperis antaŭ kelkaj jaroj. Li multon faris por nia movado en Usono. Li estis 57-jara.

**S-ro Traĉevski**, Del. de UEA en Kiev kaj organizinto de la tutrusa kongreso en 1912.




Gvidanto:
*Fr. Hájek*, Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio)

**Problemo N-ro 6**
Originalo dediĉita al la memoro de D-ro L. L. Zamenhof de
*W. Chmellarz* en Teplitz-Schönau
(Ĉeĥoslovakio)



Ekludante, Blanko matos per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 7**
*W. A. Shinkman*
(Brentano's Chess M. 1880)



Ekludante, Blanko matos per la 2-a movo.

*Solvo de la problemo 4*

1. Ĉ c 6 — e 7, R b 6 — a 7, 2. R b 3 — b 4 k. t. p.
R laŭvole 2. Ĉ e 7 — c 8 k. t. p.

*Solvo de la problemo 5:* 1. T a 6 — a 1 k. t. p.

La problemarto eltiras el la praktika ludo interesajn kombinaĵojn kaj penas ilin prezenti en la plej bela kaj purigita formo. Ĉiu problemo enhavas regule unu kombinaĵon, kiu donas al la problemo la karakteron, kaj oni nomas ĝin la *ĉefludo*. Oni vidas, ke post la unua movo (la ŝlosilo) estas eble plenumi sur disirantaj vojoj la postulon de la problemo (la matigon en fiksita nombro da movoj). Unu el tiuj ĉi vojoj al matigo estas nomita la *ĉefludo*, la aliaj vojoj estas la *dualudoj*. Ĉiun el la defendaj movoj de la Nigro estas eble respondi nur per *unu sola* movo de la Blanko. Se, do, foje estas eble daŭrigi la ludon per *pli* ol unu movo de la Blanko, oni diras, ke la solvo enhavas la *dualon*. La dualon en la ĉefludo oni taksas kiel difekto de la problemo. En senvaloraj dualudoj ĝi ne havas ĉi tiun malplivalorigan signifon. Se krom la ŝlosilo oni trovus ankoraŭ alian movon, ebliganta la solvon en la postulata nombro da movoj, oni diras, ke la problemo enhavas la dusolvecon. Ĉi tiu tute senvalorigas problemon.

Dum la solvado oni memoru, ke la Nigro penas per uzado de *ĉiuj rimedoj* malebligi tion, kion oni postulas en la problemo. Ekzemple, se estas postulata mato per la 2a movo, la Nigro klopodas ke la mato ne okazu en la dua sed en pli multe da movoj, aŭ ke ĝi tute ne efektiviĝu. La Nigro provas savi sian reĝon per forkuro el la *matreto*, aŭ penas malebligi la efikecon de la blankaj figuroj ilin prenante aŭ forpelante, aŭ bone lokigante siajn proprajn figurojn. Por atingi ĉi tiun celon, li okaze oferas eĉ siajn figurojn plej potencajn. Simila agado ofte multe diferenciĝas de la defendmaniero, uzata en la praktika interludo.

*Ĝustaj solvoj* de la problemoj 1, 2 kaj 3 alvenis de la samideanoj: J. Garcia de la Serrana; E. Castellano, Baza, Granada; M. Esteban, Madrid (Hisp.); R. Koerselman, Voorst (Nederl.); S. Deakin, Kensington, Liverpool; Th. Rawlinson, Wavertree, Liverpool (Angl.); Mag. W. Chmellarz, Teplitz-Schönaŭ; J. Beller kaj Fr. Mizera, Ĉ. Budějovice (Ĉeĥosl.).

S-roj J. Döllinger, Warnsdorf (Ĉeĥosl.) kaj G. van Heek, Hengelo (Nederl.) bonvolu ankoraŭ kontroli la solvojn.

*Korespondo:* Al S-roj T. A. Allan, Montreal (Kanado); B. E. Myers, Redwood City (Kaliforn.) kaj R. Koerselman, Voorst (Nederl.) nia danko por la esprimita simpatio pri la ŝakangulo. Same ni afable dankas al F-ino Zoe Inman en Halstead (Angl.), kiu donacis al la biblioteko de UEA la ŝakverkon de J. Paluzie.

**Praha II.** — S-ro B. Vrany, Koubková 6, PI, L, PM, G.
**Praha-Nusle 387.** — S-ro Fr. Černy, urba oficisto PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Nusle 445.** — S-ro Lad. Klima, urba oficisto, PI, PM, k. ĉ. l.
**Rapice-Kladno.** — F-inoj Horejŝi kaj Čepelová, oficistinoj, PI (kun Praha-kongresanoj).
**Reichenberg.** — S-ro Fritz Michalek, elektrokomercisto, Lerchenfeldstrasse (pri la XIIIa kongreso en Praha).
**Škvrnany** apud Plzen. — S-ro Otomar Ruzička, N-ro 245, PK, L.
**Terezin.** — S-ro Albrecht Rösler, Trida I, PM, PI, k. ĉ. l.
**Tetschen-Liebwerd.** — S-ro Fritz Heuer, PI, PM, k. ĉ. l. (tuj respondas).
**Tetschen/Elbo.** — S-ro Reinhold Alb, Kamnitzerstr., PI, PM.
**Trautenau.** — S-ro Karl Wolf, Gebirgsstr. 54, PI, PM.
**Val. Meziriĉi.** — S-ro Alois Nedomansky, studento, 16-jara, Tolsteho 4, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Val. Meziriĉi.** — S-ro Karel Holubec, studento, Zádruha 3, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Val. Meziriĉi.** — S-ro Alois Moŝ, Sokolská tr., PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Val. Meziriĉi.** — S-ro František Vicena, studento, Vsetinská ul. 75, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Velesin.** — F-ino Sona Kamarytova, PM.
**Vranov Slovakio.** — S-ro Zoltano Kraemer, PM, PI, L (kun zionistoj).
**Vrsovice.** — S-ro D-ro Fr. Prachfeld, Spojka 17, PM (kun seriozaj filat., minim. por 50 kat. val., k. ĉ. l.).
**Wilsdorf b. Bodenbach.** — F-ino Filomena Lustinek, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Zilina.** — F-ino Kamilla Hluĉil, poŝtoficistino, PI (nur artajn pri la naturo).
**Zizkov.** — S-ro Jar. Hájek, Záviŝova 10, PK, L (pri muziko, precipe pri ĥora kantado, k. ĉ. l.).
**Zvolen 459.** — S-ro Josef Kavan, PM (kun plimaljunaj filatelistoj).

## Danio

**Feldborg** (Skive). — S-ro H. K. Hansen, PM.

## Danzig (Liberŝtato)

**Langfuhr.** — S-ro Helmut Woite, Heiligenbrunnenweg 12, PK.
**Praust.** — S-ro Werner Hoffmann, PK.
**Praust.** — S-ro Franz Wiese, PK.

## Estonio

**Haapsalu.** — S-ro Grünthal, fotografisto, PI, L, stereoskopaj-fotoj (nur kun fotografistoj).
**Narva.** — S-ro Johannes Lille, 4 Peetri tän. 9—3, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Tallinn.** — S-ro Harald Jervan, Köie tän. 8 krt. 6.
**Tallinn.** — S-ro Edgar Pärtel, Kentmanni tän. 16 k. 2.
**Tallinn.** — S-ro Artur Malla, PM (kun seriozaj kolektantoj kaj komercistoj, laŭ katalogo Yvert, Michel, kontraŭ estonaj, latviaj kaj PM de rusa nordokcidenta armeo. Sendu unue ne malpli ol 200 M. aŭ 100 Fk. laŭ katalogvaloro.

## Finnlando

**Joensuu.** — S-ro V. Puumalainen, studento, PM, k. ĉ. l. (nur bonstataj, puraj, ne malpli ol 100).
**Mikkeli-Koivikko.** — S-ro W. E. Tapionlinna, instruisto, L, PK, PI, k. ĉ. l.
**Pusula.** — S-ro Aarne Anttila, L, PI, k. ĉ. l.
**Tikkurila.** — S-ro Paavo Lähde, Saratie 1, PM, PK (kun studentoj ekstereŭropaj).
**Viipuri.** — F-ino Erika Wilen Papula (centoj da finnaj gesamideanoj volas interŝanĝi PI k. ĉ. l., sendu al mi vian adreson legeblan, kaj vi certe ricevos kelkajn dekojn da respondoj).
**Voikka.** — S-ro Antti Savinen, PM, PI, PK, L, k. ĉ. l.
**Voikka.** — S-ro Toivo Sikanen, PM, PI, PK, L, k. ĉ. l.

## Francio

**Cette** (Hérault). — S-ro Henri Guibal, Cité Doumet, Maison Meynier, PI (artajn montrante pentrajojn de famaj pentristoj el ĉ. l.).
**Paris XIX.** — S-ro Salvador Magem, riparisto de Ĉinaj kaj Japanaj lakajoj. 153, rue de Belleville. PI, bfl. kun ĉiulandanoj, precipe ekstereŭropanoj kaj sammetianoj.

## Germanio

**Benrath** (Rhein). — Nova grupo. Adreso: S-ro R. Humbeck, Schlossallee 68, PI.
**Dresden-N 6.** — S-ro D-ro F. Kyaw, Glacisstr. 2, PM.
**Dresden-A 19.** — S-ro Johannes Schmidt, Jacobistr. 20 a, PI, L.
**Dresden-Blasewitz.** — S-ro Fritz Bädrich, Berggartenstrasse 11, PI, L.
**Friedrichsthal/Saar.** — S-ro Nikolaus Donien, Moltkestr. 10, L, PK, PI, k. ĉ. l.
**Helmstedt** (Braunschweig). — S-ro Erich Lüer, oficisto, Henkestr. 36, nur PI multkoloraj.
**Leipzig-Gohlis.** — S-ro H. R. Voigt, Johann Georgstr. 24/II, serĉas k. por siaj lernantoj, koresp. kun propagandistoj eksterlandaj.
**Meissen** (Sachsen). — S-ro Wolfgang Maier, Dresdnerstr. 51 I. PM.
**Menzelen-West** (Rheinland). — S-ro Hermann Wolfertz, instruisto, PI, PM, gaz.
**Merseburg** (Saale). — S-ro Oestel, Luisenstr. 2 PM.
**Merseburg** (Saale). — S-ino Mühlpfordt, Neumarkt 30, PK.
**Niederhermsdorf** bei Dresden. — S-ro R. Scheibler instruisto kaj 45 geknaboj (12-15 jaraj), L, PI, PM, kun negermanaj landoj; pri lernejaj, instruadaj temoj kun neeŭropaj landoj.
**Niederlössnitz-Dresden.** — S-ro Erich Dilger, Schliessfach 21, PM, PI, k. ĉ. l.
**Plauen i. V.** — S-ro Paul Röder, Johannstr. 112, dez. adresojn por sia junula grupo kaj interŝanĝus kun nur perfektaj samideanoj L pri ekonomiaj, popolaj kaj ŝtataj aferoj.
**Schkopau** (Kreis Merseburg). — S-ro Usko, oficisto, PK.
**Schweinfurt.** — S-ro Heinrich Weissbeck, Heimanshäuser 12, PI, L, k. ĉ. l.
**Wilhelmshaven.** — F-ino Mize Jess, Kielerstr. 12, L, PI, bfl, k. ĉ. l.

## Hispanio

**Baracaldo** (Vizcaya). — S-ro Vicente Bravo, Arana 6. PK. PI.
**Palma de Mallorca.** — S-ro Juan Barceló Andreu, Teniente del Regimiento Palma 61. PI, PK, PM, fotografajoj.
**Sabadell.** — S-ro Johanno Climent, str. Planas 14, PI, L.
**Tarrasa.** — S-ro Magin Veciana, Topete 85. PK, L.

## Hungario

**Budapest VII.** — S-ro Fernando Geiger, Nagydiofa u. 18/II, L, PI.
**Budapest.** — S-ro Ladislav Szentgyörgyi, IX., Lónyai u. 19. IV./8., PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Leo Herz, VI., O' utca 40, PI, PM.
**Budapest.** — S-ro Ferenc Kovats, VI., forgách u. 9. b, L, PK (precipe kun filatelistoj ĉiulandoj).
**Budapest.** — S-ro István Jancsé, VII., Mexikói ut 6. félem. 3. PI, Gazetoj.
**Budapest.** — S-ro Emil Chevassus, bankoficisto, VII., Rózsa u. 19. I. 11. L, PI, PK, k. ĉ. l.

## Italio

**Genova 7.** — S-ro Baccini Francesco, via Giustiniani 17, PM, PI, k. ĉ. l.
**Roma 14.** — S-ro G. Ferro-Luzzi, 43, via Luciano Manara. PM (krom Germ. kaj Ĉeĥoslovakio).
**Roma 33.** — S-ino Maria Luisa Mongiardini, 26, Via Tacito, (deziras nur ricevi el ĉiuj landoj, popolmuzikajon kontraŭ muziko, PK, PM, k. t. p.).

## Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, L, PK, PM, PI.
**Heerewaarden.** — S-ro J. Meyer, Onderwijzer, serĉas korespondantojn 10-15 jarajn por siaj lernantoj. PI, k. ĉ. l.
**Rossum.** — Plenaĝula klubo: „Utila distro", deziras korespondi kun ĉiuj landoj per PI. Sendu ĉion al J. Meyer, Onderwijzer, Heerewaarden.

## Polio

**Bialystok.** — S-ro Efr. Margolis, Sobieskiego 16, lernanto, PM.
**Bialystok.** — S-ro Abramo Ajzenŝmidt, Fabryczna 19, PI, PK, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Bydgoszez.** — S-ro St. Kowalewski, Welniany rynek 15, PM, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Bialystok.** — S-ro G. Hofman, Lipowa 48, PI, L, k. ĉ. l.
**Jaslo.** — S-ro Salo Kornfeld, PM (PI, L, nur kun fraŭlinoj).

## Rusio

**Nalcik** (Tersk. obl.). — S-ro D. Staricky, PI.
**Novopavlovskoje** (Tersk. obl.) — S-ro J. Gladilin, instruisto, PI, L.
**Staropavlovskoje** (Tersk. obl.). — S-ro V. Pimenov, instruisto, PI, L.

## Rumanio

**Targul-Mureŝ.** — S-ro Zoltano Váray, universitatano, Str. Kemény Zs. 6 a, PI, bfl, PM (koloriĝitajn urbvidajojn, hungarajn artajn kartojn, fotografajojn, interŝanĝi sian portreton).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Heleno Löwy, oficistino, Piata Regele Ferdinand 9, PI, L, k. ĉ. l.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Cecilio Mendel, oficistino, Erzébetliget 2, PI, L, k. ĉ. l.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Hedvigo Mendel, oficistino, Erzsébetliget 2. PI, L, k. ĉ. l.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Jozefo Fikk, bankoficisto. PM, PI.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Deziderio Engelberg, profesoro kaj jurnalisto, Str. Baross Gábor 22. PI, L (pri sociaj temoj, kun seriozuloj).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Henriko Weintraub, studento. Str. Vörösmarty 3. L, PI (pri socialaj demandoj k. ĉ. l. Pri aliaj temoj nur kun ĉinoj kaj hindoj).
**Targul-Mureŝ.** — S-ano Georgo Biró, lignajisto, Str. Agriculturilor 52. PI (interesiĝas pri artpentrado).

## Svedio

**Malmö.** — S-ro Einar Andersson, Villa Sjölunda: N. Bulltoftav, PI, L, Fotografajoj, k. ĉ. l.
**Malmö.** — S-ro Gunnar Asp, Flintgatan 6 a, Mizermono, PM.
**Malmö.** — S-ro Ivar Bengtsson, St. Trädgardsgatan 8, L.
**Malmö.** — S-ro Hilding Bengtsson, Kattsundsgatan 1, L, PI, PM.
**Malmö.** — S-ro Tage Larsson, St. Trädgardsgatan 16 (kun inoj) PL.
**Malmö.** — S-ro Helmer Norden, Gasverksgatan 6, PI, L, Fot.
**Malmö.** — S-ro Harry Nilsson, Fredsgatan 16 a, PI, PM.
**Malmö.** — S-ro Lars Persson, Rundelsgatan 12, 4 van., PI, L.
**Malmö.** — S-ro Oscar Pettersson, Almbacksgatan 10, PI, PM, L, fotografajoj.
**Malmö.** — Pastro A. Svärd Ö. Jörstadsgatan 60 (nur kun ĉiulandaj pastroj.) L, PI.
**Malmö.** — Fino Edith Lindahl (blinda), Lundavägen 14 a, brailskribitajn L.
**Malmö.** — S-ro Erik Andersson, Rörsjögatan 16, L, pri pentrarto kun pentrartistoj.

## Svisio

**Les Brenets** (Neuchâtel). — S-ro Emmanuel Zürcher, studento, PI, PM, bfl.

## Ameriko

**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Alfonso Fuentes, calle O'Higgins, 80—90 Tienda „La Capital", k. ĉ. l.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro F. Rigola, calle Oncativo 1962. PI, bfl. k. ĉ. l.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro E. Enrich, calle Belgrano 811/19. PM. k. ĉ. l.
**Matanzas** (Kuba). — S-ro Fructuoso Fernandez, 24 de Febrero 17, nur PI.
**Montevideo** (Urugvajo). — S-ro A. Di Landro, calle Francisco Llambi 176 (Pocitos) sciigas al liaj karaj korespondantoj lian novan adreson. Li petas samtempe senkulpigon pro lia kontraŭvola longa silento.
**Montevideo** (Urugvajo). — S-ino Ascension Florez de Branner, calle Rafael Pastoriza 12 (Pocitos) PI, PM, fotografajoj. Koresp. esp., germ., angle, france, hisp.
**Toronto** (Kanado). — S-ro Elven J. Benqouqh, McMaster University. PI (universitataj konstruajoj) k. ĉ. l.

## Azio

**Tomsk** (Siberio). — Klubo de eksterlandaj lingvoj. Prez.: V. Frolova. L. esp., angle, germane, itale, france k. t. p. pri ĉiuj temoj.
**Vladivostok** (Siberio). — Loka Societo „Espero" (fondita en 1897), Strato Svetlandskaja 19, deziras por siaj geanoj koresp. kun la tuta mondo L, PI, Esp. gaz. kaj propagandiloj.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 5 Kr.; *Belgio* 0.80 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 2 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr. ĉ.; *Finnlando* 1.20 F. M.; *Francio* 0.80 Fr.; *Germanio* 1.60 M.; *Hispanio* 0.50 P.; *Hungario* 5 Kr.; *Italio* 1 L.; *Jugoslavio* 2.50 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 5 M.; *Skandinavio* 0.40 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni pagu per ili: 1 respondkupono = 20 centimoj.)

**Adresŝanĝo.** — Majoro Raven-Hart, Union Club, Necochea y Peru, Mendoza, Argentino, scias, ke kelkaj leteroj al Buenos Aires perdiĝis kaj do petas senkulpigon kaj reskribon. Li volas korespondadi pri telegrafoj (speciale fervojaj), kaj interŝanĝi tradukojn el literaturo moderna (speciale el malmulte konataj lingvoj) kaj popolartajn objektojn malgrandajn kaj malmultekostajn post propono.

**Aliĝu** la Ligon por la Paco Internacia — vere internacia Asocio. L. I. P., 4, Princeton Street, London W. C. I.

**Aliĝu senprokraste** al 3-a eldono de „B. E S.-a Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj" sendante Vian adreson kaj personajn informojn kune kun 2 fr. sv. (en (papermono, poŝtmarkoj aŭ respondkup.) al „Bohema Esperanto-Servo", Moravany, Bohemio, Ĉeĥoslovakio. — Vi ricevos senpage la novan antaŭkongresan eldonon. — Postulu interesan prospekton!

**Analizado** de karaktero kaj kapablecoj: Studinte 7 jarojn la sciencan grafologion mi ellaboros „Portreton de karaktero" de ĉiu homo, enhavante **detalan** priskribon de siaj ecoj valoraj kaj danĝerigaj, se vi sendas al mi minimume 25 liniojn inkskribitajn de sia kutima skribo. Citu sekson, proksimuman aĝon k. profesion de la skribint(in)o, kaj notu la demandojn speciale respondotajn. Honorario: 30 germ. markojn aŭ 3 svis. fr. (15 respondkup.) aŭ naciaj bankbiletoj en valoro de 3 sv. fr. Por landoj malfavorkurzaj petu favorproponon. Multaj homoj jam dankis! Skribu antaŭ fari malagrablajn spertojn! Adreso: Grafologa konsilanto Kauffmann, Heidelberg (Germanio).

**Artistiĝo.** — S-ro Erik Andersson deziras informojn pri pentrartaj lernejoj, kosto de vizitado, tempo ktp. Adreso: Rörsjögatan 16. Malmö (Svedio)

**Atentu.** — S-ro Ilmari Rautio, Viipurinkatu I, Helsinki, Finnlando, koregе dankas ĉiun, kiu respondis al lia anonco. Pro lia transloĝiĝo de Kunsankoski kaj pro multego da respondoj, li jam tiajn ricevis super 900 kaj plue ricevas, estas al li bedaŭrinde tute neeble respondi al ĉiu; li devas zorgi ankaŭ pri sia propra okupo. Petegante pardonon je tio, li korege salutas afablan kaj amikan korespondeman esperantistaron.

**Centra Librejo Esperanto** en Sofia deziras esti en rilatoj kun ĉiuj esperantaj eldonejoj kaj librovendejoj.

**Ĉiu Esperantisto** sendu sian adreson al „Bohema Esperanto-Servo", Moravany, Boh., Ĉeĥoslovakio. Li ricevos interesan prospekton kaj prezareton de Esperantajoj.

**Edziĝemuloj!** — Por trovi feliĉigan edzecon, Vi ekkonu unu la alian laŭ karaktero k. ecoj! Legu supran anoncon „Analizado de karaktero..."

**Esperantista Voĉo** Jaslo (Polio) liveras ankoraŭ: *Kongresa libro,* tole bind., 88 pĝ., 6 fr.; *Zakopane,* Tatroj kaj Pieniny, 48 pĝ., 3 fr.; *Albumo de Kraków,* 36 pĝ., 3 fr.; Ĉiuj sur luksa papero kaj kun ilustrajoj. *Unuaj agordoj* de Elski kaj Eska, 1 fr.; *A. B. C.* de Orzeszko, 0.50 fr.; *Ama Bileto,* de Balucki, 0 50 fr. Mono pagota je Züricha poŝtĉekkonto N-ro VIII 7263. Ĉiuj kun rek. afranko.

**Etikismo.** — Mi deziras ricevi informojn (presajojn en angla, franca kaj germana lingvoj mi scias kompreni) pri ĉiaj ekster-eklezioj, religiaj kaj etikaj movadoj de l' mondo, kiel liberreligiaj kaj monistaj komunumoj en Germanio, labor- kaj etikaj komunumoj en Britio, k. t. p. J. L. Bruijn, Daguerrestraat 158, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Filatelistoj!** — Malriĉa germana vilaĝa lernejo deziras akiri monrimedojn por klerigo kaj pliperfektigo per vendado de poŝtmarkoj kaj helpa mono germanaj. Kiu bonkore helpos atingi tiun celon per aĉeto? Oni skribu al F-ino J. Dœring, Berlin-Tegel, Schlieperstr. 29 III.

**Filatelistoj,** kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébetkörut 16.

**Filatelistoj.** — Sendu al mi 100—200 diversspecajn PM de via lando, indikante laŭ Yvert aŭ SW ilian valoron, kaj mi tuj resendas al vi la saman valoron en jugoslavaj PM. — Ing. Artur Spiller, Osijek I., Kolodvorska ul. 52 (Jugoslavio).

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per letero rekomendita 50—100 PM malsamajn el via lando, mi tuj sendos al vi la saman kvanton el Germanio. Aldonu respondkuponon. D-ro A. Moebusz, Falkenstr. 12, Lübeck.

**Filatelistoj.** — Sendu al mi la tutan serion de via lando, stampitan, mi sendos al vi ĉeĥoslovakan. Arthur Kohn, Bratislava, Klarisa ul 9. I. 4.

**Filatelistoj! Atentu!** — Samideano el Ĉeĥoslovakio vendas kolekton kun 3200 pecoj divers. PM por 800 svisaj frankoj. Tiu ĉi kolekto enhavas: 2400 PM de Eŭropo (300 Ĉeĥoslovakio, 341 Aŭstrio, 100 Jugoslavio, Neapolo 509 laŭ Michel Mk. 250), 170 PM de diversaj kolonioj, 174 PM de Azio, 113 PM de Afriko, 300 PM de Ameriko kaj 50 PM de Aŭstralio. Korespondado en esperanta, bohema kaj germana lingvo. Adr. Jaromír Skarda, Kladno. Palackéhostr. 1568. Ĉeĥoslovakio.

**Haló!** — Mi kolektas portretojn de niaj unuaj pioniroj, verkistoj, propagandistoj de ĉiuj famaj Esperantistoj; sendu bildojn, PI, eltondaĵojn el diversaj gazetoj, kongresajn fotografaĵojn — ĉion mi rekompensos laŭdezire, prefere per PM. O. Sklenĉka, Del. de UEA, Hradec Králové, Ĉeĥoslovakio.

**Hejtado.** — Mi kolektas notojn pri historio kaj teknika vortaro, bildojn, desegnaĵojn, modelojn, priskribojn, k. t. p., de hejtaparatoj el ĉiuj landoj. Sendu proponojn al Ed. Schauenberg, inĝeniero, 7, Avenue Henri Dunant, Genève.

**Henk Goemans,** antaŭa adreso: Rusa-Holanda Banko, Petrograd, kaj Rotterdamsche Bankvereeniging, Amsterdam, petas siajn geamikojn, afable noti sian novan adreson: Banque Hollandaise pour la Méditerranée, Succursale de Constantinople (Turkio).

**Jugoslavio.** — „Hrvatska Sloga", plej grava nacilingva jurnalo kroata publikigas daŭre artikolojn pri nia movado. Anoncoj havas plej bonan sukceson! 5 cm kolonero 1 frk. sv. Oni informiĝu ĉe S-ro Nikola Lisac, Del. de UEA en Travnik (Bosnio)

**Juna hungara kuracisto** kun tri-jara dentkuracista praktiko, serĉas eksterlande okupadon kiel helpanto aŭ anstataŭanto, precipe kiel dentisto. Le preferas: Hispanion, Italion, Francion, Svision, Anglion, Portugalion. Li parolas: angle, france, germane, hispane. Li petas sendi bonvolajn proponojn al: D-ro Bodnár Budapest IX., Mester u. 3.

**Kartkolektantoj.** — Se vi sendas al mi uzitajn poŝtmarkojn mi kompense sendos vidaĵojn de la mondfamaj fabrikoj de Krupp, de liaj bonfaraj fondaĵoj; laŭdezire ankaŭ aliajn kartojn. Sendu nur kiel ordinara letero, *ne* enskribite. Max Mollenhauer, Virgiliastrass 5, Essen (Ruhr), Germanio.

**Komercistoj,** agentoj, kolektantoj atentu! Mi serĉas filatelistajn interrilatojn kun la tuta mondo. Mi vendas, aĉetas kaj interŝanĝas poŝtmarkojn kaj papermonon ĉiuspecajn. Kontraŭ depono aŭ referencoj mi sendas elektajn kajerojn por aĉeto kaj vendado. Mi povas ankaŭ liveri belajn ilustritajn poŝtkartojn el Wien, Esperantajn steletojn, sigelmarkojn, elektajn kajerojn por poŝtmarkoj. Mi serĉas agentojn en ĉiu lando. Prezaroj estas haveblaj kontraŭ unu respondkupono. Josef Kolnhofer, Wien XIII./4, Zehetnergasse 37.

**Korespondantojn ĉiulandajn** pri politikaj, kulturaj, socialaj kaj precipe ekonomiaj rilatoj serĉas ĉeĥa granda sendependa jurnalo „Tribuna". Pri kondiĉoj skribu al Fred. Weiner, redaktoro, Jungmannova 21, Praha. Oni korespondas esperante, germane, france, angle, hungare.

**La Redakcio** de la esperanta literatura gazeto „Literaturo" deziras ricevi esperantajn manuskriptojn por ebla utiligo en la gazeto. Oni sendu rakontojn, artikolojn kaj poemojn, originalajn aŭ tradukitajn. Oni prefere sendu mallongajn manuskriptojn. Al sendintoj de manuskriptoj uzataj oni senpage sendos la gazeton dum unu jaro. Adresu al Charles H. Edmonds, „Rockwood", High Road, Wembley Anglio.

**Lingvojn** deziregas ellerni per korespondado Luigi Puppo, Via del Bragone 1/3, Genova, Sturla, Italia: rekompence li lernigos la italan.

**Okaza aĉeto de poŝtmarkoj.** — Mi vendas multvaloran kolekton de PM kun ĉirkaŭ 3500 malsamaj PM. Prezo firma 1000 svisaj frankoj. L. Štica, Wien XV Turnergasse 25/15, Aŭstrio.

**Peto.** — Kiu scias la adreson de mia amiko *Georg Skeper* (aŭ Skepenatis)? Li forlasis 1913 Leizigon kaj elmigris al Usono (*New Haven,* Con.). Bonvolu demandi samideanojn pri li! H. R. Voigt, Leipzig-Gohlis, Johann Georgstr. 24.

**Peto.** — Ĉiujn miajn gekorespondantojn mi petegas pardoni longan prokraston pro senĉesa malsaneco, kiu daŭras kun mallongaj paŭzoj preskaŭ dek monatoj. Mi salutas korege ĉiujn kaj promesas respondi kiel eble plej baldaŭ. Václav Stary, sekretario de la ĉeĥoslovak. ambasadorejo, Wien XV, Turnerg. 25/15.

**Peto al** francoj en Svisio, Francio, Svedoj kaj aliaj. — 18 jara ĉeĥo, abituriento parolanta ĉeĥe, esperanto, france kaj germane, deziras labori mane aŭ spirite ĉe elektroteknika entrepreno dum unu jaro. Afable skribu al Jan Jelínek, Husevo nám. 511, Kradec Králové (Ĉeĥoslovakio).

**Pli malkare ol ĉie.** — Vi ricevos PM ĉe: Salo Kornfeld, Jaslo (Polio). Ekz. *Litovio*: eld I., send. k. dent. à 2.50, eld. III., send. k. dent. à 2.50, Porto dent. à 5.—, send. à 5.—, eld por Ruĝa-Kruco à 5.—, por Supersilezio à 5.— *Polio:* eld. S. 0.20 à 6.— kaj ĉiuj aliaj polaj. Prezo *en germanaj markoj* pageblaj je poŝtĉeko Leipzig N-ro 89 773 aŭ direkte al mi. Ĉiuj serioj estas kompletaj. Mendoj de 100 Mk kun afranko, alie aldonu 2 Mk.

**Poŝtmarkoj.** — F-ino Anna Janovská, Praha IV 278, Ĉeĥoslovakio, vendas ĉeĥosl., polajn, hungarajn, aŭstriajn (ankaŭ antaŭmilit.) PM kun 50-60 % rabato laŭ Yvert aŭ 30-40 % laŭ Michel 1920. Elektsendajoj kontraŭ referencoj aŭ antaŭpago. Ĉiam respondas.

**Propaganda poŝtkartvespero!** — Ni petas grupojn kaj izolulojn, precipe eksterlandajn, je alsendo de PI, bfl, ĝis la 31 majo 1921. Ni same kvitancos! Esperanto Grupo Tetschen-Bodenbach, S-ro Bruche, Liebwerd.

**Propagandistoj.** — Bonvolu konstante sendi ĉiujn sciigojn pri interesaj sportnovaĵoj de via urbo kaj de via lando per letero por Sport-Revuo al Sinjoro Stef. Pedrazzini, Locarno (Svisio).

**Redaktejo de Sport-Revuo** (redaktoro S-ron Stefano Pedrazzini, Locarno (Svislando) serĉas por sia revuo en ĉiuj landoj reprezentantojn (kolektantoj de anoncoj). Nur kapablaj agentoj estas akceptotaj. (Referencoj estas necesaj).

**Sigelmarkoj.** — Interŝanĝas vinjetojn pri ekpozicioj - festoj - politiko - reklamo, k. t. p. G. Ternisien, Octroi Central, Hôtel de Ville, Amiens, Somme (France).

**Socialistoj tra la mondo.** — En Usono centoj da socialistoj, komunistoj, pacifistoj k c., estas en malliberejo por tio, ke ili diris siajn opiniojn dum kaj eĉ post la milito. Nia amatega kamarado, kaj kandidato por prezidanto, Eugène V. Debs, estas en malliberejo dum 10 jaroj, kaj multe da aliaj eĉ 20 jaroj! La nova prezidanto, Warren G. Harding, (White House, Washington, D. C.) devas aŭdi la internacian voĉon de laboro, demandi liberecon pro la usonaj kamaradoj. La Socialista Partio de Svedio jam protestas, kaj ankaŭ socialistaro el Aŭstralio. Ni, la Socialista Partio de Tucson, petas vin, per Esperanto, helpi nin. Protestu al nia prezidanto! Propagandu en viaj Socialistaroj kaj laboristaroj! Skribu artikolojn en viaj gazetoj! Skribu al nia sekretario al la adreso jena kaj lernu plu. Harold Coy, University Station, Tucson, Arizona, Usono.

